7ª Jaro Decembro 1910 Nº 84ª

# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo
de la
Internacia **SCIENCA ASOCIO** Esperantista

Eldonata kun alta patronado de : *Doktoro* **L. L. ZAMENHOF**, aŭtoro de la lingvo *Esperanto*; FRANCA SOCIETO ASTRONOMIA ; FRANCA SOCIETO DE FIZIKO ; INTERNACIA SOCIETO DE ELEKTRISTOJ ; *Profesoroj* : † ADELSKÖLD, APPELL, D'ARSONVAL, BAUDOIN DE COURTENAY, †BECQUEREL, †BERTHELOT, Princo Rolando BONAPARTE, BOUCHARD, DESLANDRES, FLOURNOY, FÖRSTER, HALLER, † William JAMES, MOURLON, Henriko POINCARÉ, Generalo SEBERT, J. J. THOMSON & diverslandaj scienculoj.

ENHAVO





1910

**H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.)**

*(elparolu : talvicer. keĉenbroda)*

*BRITUJO.* « Brita Esperantista Asocio » (Museum station Buildings, 133-6 High Holborn), London W. C. — *DANUJO.* A.-F. Höst & Son, Kjöbenhavn. — *FRANCUJO.* G. Warnier & Cie, (15, rue Montmartre) Paris. — *HISPANUJO.* J. Espasa, Barcelona. — *HUNGARUJO.* Lajos, Kokai (IV karoly-ucta, 1), Budapest. — *ITALUJO.* Raffaello Giusti, Livorno. — *JAPANUJO.* M. Hikosaka, 33, Abekawamachi, Asakusa, Tokio. — *RUSUJO.* Librejo « Esperanto », (Tverskaja, 28) Moskva. — *RUSA POLUJO.* M. Arct. Varsovio.— *TURKUJO,* J. Guéron (Lernejo : *Alliance Israélite*), Aïdin.

**Jara abono :** 2 ₷ 750 s. — **Unu numero :** 250 s.

Ni akceptas & rekomendas pagojn per la Ĉekbanko Esperantista, London S. W.

## Ne forgesu Boulogne s/M. Pas-de-Calais (Francujo).

*Kiu organizis nian Unuan Internacian Kongreson*

# TERURA VENTEGO

## Ok Fiŝŝipoj pereis

En la nokto 11-12 de Novembro 1910 okazis la plej terura markatastrofo. La ventego en nur unu horo malaperigis ok fiŝŝipojn kaj igis pli ol du cent orfulojn hodiaŭ en la plej profunda mizero.

*Ni memoru la urbon, kiu malfermis la unuan Esperantistan Kongreson!*

Ni pruvu nian dankecon per mondanacoj tutmonde.

Tio estos apude plej bona propagando koniganta *nian Esperantistan unuiĝon kaj interkompreniĝon.*

Sendu vian monoferon, pli grandan aŭ pli malgrandan, laŭ via povo, « *Internacia Scienca Revuo* ».

Ni kun kora danko transdonos la sumon & kvitancos publike en nia plej proksima numero.

7ª Jaro Decembro 1910 Nº 84ª

# Internacia Science Revuo

OFICIALA MONATA ORGANO

DE LA

Internacia SCIENCA ASOCIO Esperantista

*Direktoro :* Dro René de SAUSSURE

*Ĉef-Redaktoro :* Dro Fr. THALWITZER

Eldonejo : H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.).

*Manuskriptojn, gazetojn, librojn & interŝanĝojn, oni sendu al « Internacia Scienca Revuo », Kötzschenbroda-Dresden (German.).*

## RAPORTO

**starigita de la Scienca kaj Teknika Komisio de la Scienca Asocio Esperantista.**

## Konsilaro por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj.

*(sekvo)*

### 2. — Precizaj difinoj de la elementoj de la kunmetataj vortoj.

Ni diris komence ke estas necesa ke, en la redakto de la esprimota ideo, nur eniru elementoj de preciza signifo; nun ni studos, je tiu vidpunkto, la elementojn de la lingvo, kaj tiu studo estas des pli utila ke kelkaj personoj diris ke Esperanto ne taŭgas por la scienca lingvo, ĉar ĝi ne ebligas la formadon de sufiĉe precizaj vortoj.

Ni jam montris ke oni povas ricevi tute precizajn kunmetatajn vortojn, utiligante precizajn elementojn; ni nun montros ke tiaj elementoj ekzistas en la lingvo.

Ni studos intersekve la radikvortojn, la gramatikajn derivatojn kaj la afiksojn.

1e. — *Radikvortoj.*

Ĉiuj radikvortoj havas precizan signifon, per fundamenta interkonsento de la uzantoj de la lingvo. Ili preskaŭ ĉiuj povas ludi rolon de radikoj kaj tiam la konsideroj, kiujn ni starigis pri la gramatikaj derivatoj, konvenas al iliaj derivatoj.

Ni jam altiris la atenton al ilia influo en la kunmetataj vortoj laŭ ke ili estas, aŭ radikvortoj, aŭ radikoj; ni ne reparolos pri tio.

## 2e. — *Gramatikaj derivatoj.*

Ni jam en kelkaj okazoj parolis pri tiuj derivatoj ; ni memorigu kion ni diris :

A. — Inter la gramatikaj derivatoj, oni elektas unu, kiun oni nomas *naskvorto*, kaj riprezentas la radikon en la kunmetataj vortoj : ĝia signifo estas fiksata en la vortaroj.

B. — La signifo de la aliaj gramatikaj derivatoj povas esti fiksata aŭ ne.

*a)* Ĝi estas fiksata sen speciala interkonsento, kiam la rilato de signifo inter ĝi kaj la naskvorto rezultas sendube de la malsimileco de la gramatikaj naturoj de tiuj du vortoj.

*b)* Ĉar forigante la determinaton, oni ricevas, kiam ĝia gramatika naturo estas la sama kiel tiu de la determinanto, gramatikan derivaton de tiu lasta, tiu gramatika derivato povas esti minimuma formo de kelkaj maksimumaj formoj ; sekve ili ne havas precizan signifon : (*Ekz. :* homa *estas mallongiĝo de* homapartena, homsimila, k.t.p.; parolo *estas minimuma formo de* parolado, parolataĵo). Aliparte tiu neprecizeco multe faciligas la uzadon de la lingvo, ebligante la mallongigon de multaj kunmetataj vortoj, kaj sekve, ne ŝanĝante nian kutiman manieron esprimi nian penson, ĉar la naciaj lingvoj havas ankaŭ multe da tiaj simplaj neprecizaj vortoj.

*c)* Nun ni aldonu ke, kiel tiu de la kunmetataj vortoj, la signifo de la gramatikaj derivatoj povas esti fiksata per speciala interkonsento ; kaj tio estas tre utila por riprezenti ideon devenantan de tiu de la naskvorto, per rilato, kiun oni povus malfacile esprimi per kunmetata vorto : (*Ekz. : oni povus preni* elektri *por signifi la francan esprimon :* transformer en électricité).

Ĉar ni diris ke, en la esprimo de la esprimota ideo, oni devas nur enmeti elementojn havantajn precizan signifon, se troviĝas inter ili gramatika derivato de nefiksata difino, oni devas anstataŭi ĝin per ĝia maksimuma formo, kiu povas enteni nur derivatojn de fiksata difino aŭ naskvortojn.

*Pro tio, oni devas zorge, en la vortaroj, doni unue la signifon de la naskvorto (montrante tiun vorton per speciala signo, ekzemple per streko super la vorto) kaj due tiun de ĉiuj gramatikaj derivatoj, kies la signifo estas fiksata.*

En la forigado de la gramatikaj finaĵoj, oni devos atenti ke, laŭ la difino, kiun ni antaŭe donis, la radiko riprezentas ĉiam kaj ĉie, la naskvorton ; sekve oni devas konservi la finiĝon de la gramatikaj derivatoj de preciza signifo, kiam la konfuzo kun la naskvorto povus okazi nekompreneblon : (*Ekz. : la vorto* brakportilo *ne estas preciza ĉar oni povas kompreni :* ilon por porti brakon, *aŭ* ilon por porti per brakoj ; *se, en vortaro, oni trovas ke* brake *signifas* per brako, *oni devas diri ĉu* brakportilo *en la unua kazo, ĉu* brakeportilo *en la dua. Sed oni povas diri* kronado, *kvankam en tiu*

*vorto* kron *anstataŭas* kroni[1] *de kiu la signifo estas fiksata, ĉar neniu mis-kompreno povas esti kaŭzata de la konfuzo inter* krono *kaj* kroni).

Aliparte tiu maniero kompletigi la radikojn estas jam uzata en la komuna lingvo : (*Ekz. :* multenombra, kelkafoje, k.t.p.) anstataŭ la kompletigo per la vokalo *o*, kiun oni kelkafoje montras kiel ĝenerale uzata.

Tamen, farante tion, oni, en kelkaj okazoj, ricevus vorton malfacile prononceblan pro la apudiĝo de du vokaloj. Tiam oni povas apartigi la kunmetatajn elementojn per streketo : tiamaniere oni ŝanĝos ilin en memstaraj vortoj kaj ricevos kunmetatan vorton, kiu havas la formon de la vortoj per apudiĝo formataj en kelkaj naciaj lingvoj : (*Ekz. : se oni deziras apartigi la du signifojn :* espero-igi, *kaj* esperi-igi, *oni uzos la unuan formon, kaj* esperigi, *kiu signifas* esperi-igi). Oni ankaŭ povas tute apartigi tiujn elementojn kaj malaperigi la kunmetatan vorton : (*Ekz. : oni diros :* mi igas valora tiun sistemon, *anstataŭ* valorigas, *se tiu vorto ebligas konfuzon kun* valoro-igas).

*Pri la finaĵo* e.

Ni ne parolas ĉi-tie, kaj ni ne parolos poste, pri la finaĵo *e* kiam ni aludas la gramatikajn finaĵojn. Tio devenas de la aparta naturo de tiu finaĵo, je la vidpunkto kiun ni studas.

Efektive tiu finaĵo estas vera sufikso, ĉar oni povas difini ĝin dirante : *la vorto formata per la kuniĝo de* e *kaj primitiva vorto signifas ke la ago, kiun ĝi kvalifikas, estas farata laŭ la maniero esprimata de la primitiva vorto.*

Sekve la gramatika derivato formata per aldono de *e* al la radiko estas preciza aŭ ne, kiam la adjektivo formata per la aldono de *a* al la radiko estas preciza aŭ ne : (*Ekz. :* bone *estas preciza ĉar* bona *estas preciza,* home *ne estas preciza ĉar* homa *ne estas preciza*).

### 3e. — *Entenataj kunmetataj vortoj.*

Ni diris komence ke oni devas forigi la kunmetatajn vortojn for la redakto de la esprimo, pro ebla konfuzo. Efektive, ĉar en kunmetata vorto, la elementoj estas apudigataj sen apartigilo, povus okazi, ke oni ne plu vidos la elementojn ĉu apartenantajn al iu entenata kunmetata vorto aŭ al alia, ĉu izolatajn.

Tio estas ĉefe grava pri la kunmetataj vortoj, de kiuj la komprenebleco rezultas ne rekte de la formo, ĉar se oni ne plu rekonas la elementojn el kiuj ili konsistas, ilia komprenebleco, kaj sekve tiu de la tuta kunmetata vorto fariĝas neebla. (*Ekz. :* mantenilo *estas aŭ* mana tenilo *aŭ* manteni-ilo; fervojsignalo *estas aŭ* fera vojsignalo *aŭ* fervoja signalo).

[1] Al tio rimarkis ANTIDO : Mi ne konsentas, ke en *kronado* la radiko *kron* anstataŭas *kroni :* mi montris, ke *i* = *ad*, do ke *kronado* = *kronio* (kaj ne *kroniado*). Pli simple, ĉar *ado* = *ago*, oni havas *kron-ado* = *ago rilata al krono;* kaj tio montras ke en *kronado* (kiel en *kroni*), radiko *kron* estas kaj restas substantiva. Cetere *kroni-o* estas konstruita laŭ sama principo kiel *brake-portilo.* (Red.)

La rimedo uzota por eviti tiun konfuzon konsistas, se estas absolute necesa enirigi kunmetatan vorton en alia, apartigi per streketo la elementojn. (*Ekz.:* man-tenilo *aŭ* manten-ilo; fer-vojsignalo *aŭ* fervoj-signalo); sed estas ĉiam preferinda ne fari kunmetatan vorton en tia okazo, ĉar la pronuncado ne povas apartigi la elementojn : (*Ekz. : oni diros* mana tenilo *aŭ* mantena ilo; fera vojsignalo *aŭ* fervoja signalo).

### 4e. — *Afiksoj.*

#### A. — *Pri la uzo de la afiksoj.*

Komence ni devas rimarkigi ke ĝenerale la personoj ne tre lertaj en la lingvo, multe tro komplikigas la vortojn per aldono de afiksoj, kiujn aliparte, ili ne ĉiam ĝuste elektas.

Ni do atentigas insiste la teknikistojn pri tiu farmaniero; ĝi ne estas tre danĝera en la komuna lingvo, sed povas malbonigi la teknikan lingvon, kiu devas esti preciza, sed ankaŭ simpla.

Estas necesa bone kompreni ke la precizeco estas atingata kiam kunmetata vorto, havanta ĝian maksimuman formon, ne povas esti komprenata laŭ du malsamaj signifoj. Sekve kiam oni serĉos tian vorton por esprimi ideon, oni devos pensi pri la najbaraj ideoj, kaj serĉi samtempe la formojn de la vortoj, kiuj esprimus ilin. Ni jam diris tion sed ni denove insistas, ĉar plej ofte la kaŭzo de la trouzo de la afiksoj estas la timo de ebla konfuzo — kaj tio devenas de malbone kondukata studo de la demando. Kiam oni trovas maksimuman formon, kiu ebligas neniun konfuzon, la celo estas atingata, la precizeco kontentigata kaj estas malbona aldoni pluajn afiksojn.

Ni ankaŭ devas rimarkigi alian tre gravan punkton : oni tre ofte uzas afikson kvankam ĝi ne tre precize taŭgas pri la ideo esprimota; tion oni faras senkulpigante sin per tiuj vortoj : mi ne povas trovi pli taŭgan afikson. Tio estas tre danĝera metodo, ĉar ĝi ebligas ke ia flanka signifo de la afikso aldoniĝas al la fundamenta : efektive, ĉar la ĉirkaŭa teksto tre ofte komprenigas la malbonan formon, oni ne rimarkas ĝin kaj iom post iom la malbona vorto eniras en la lingvo kaj, kun ĝi, la flanka difino de la afikso. Tiam okazas ke oni konsideras tiun formon kiel produkton de la natura evoluo de la lingvo, kaj ke oni komplikigas la difinojn de la afiksoj. Ni kuraĝas diri ke tia evolucio estas farata laŭ malbona direkto, kaj ke oni devas klopodi por malhelpi ĝin.

Unuvorte, pli bona estas ne uzi afikson, se ĝia uzo estas dubinda en la konsiderata okazo, kaj serĉi alian formon por riprezenti la ideon.

#### B. — *Klasado de la afiksoj.*

Rilate al la gramatika naturo de la rezultanta kunmetata vorto, oni povas apartigi la afiksojn laŭ du klasoj :

1e La afiksoj kiuj formas kunmetatan vorton, kies la naskvorto havas

saman gramatikan naturon kiel tiu de la naskvorto de la primitiva vorto. Tiuj afiksoj estas ĉiuj prefiksoj kaj la sufiksoj : *-et -eg -ad -aĉ.*

2^e^ La afiksoj kiuj formas kunmetatajn vortojn, kies la naskvortoj havas ĉiam la saman gramatikan naturon : tiu naturo estas tiu de la naskvorto de la afikso konsiderata kiel radiko. Tiuj afiksoj estas la sufiksoj : *id-in-an-ar-er-uj-ing-ul-estr-ec-aĵ-ist-ej-il-*, kiuj formas substantivojn ; *ebl-em-ind-*, kiuj formas adjektivojn ; *ig-iĝ-*, kiuj formas verbojn.

Ni rimarku ke la sufikso *um* apartenas al neniu el tiuj du klasoj, ĉar la naskvortoj de la kunmetataj vortoj formataj kun ĝi, havas kelkafoje la gramatikan naturon de la primitiva vorto kaj kelkafoje ne. Tio devenas de la speciala rolo de tiu afikso : (*Ekz :* aero, aerumi ; kolo, kolumo).

Rilate al la gramatika naturo de la primitiva vorto, oni povas apartigi la afiksojn laŭ du klasoj.

1^e^ Tiuj kiuj kuniĝas kun primitivaj vortoj de unu nura gramatika naturo : ili estas : *id-in-an-ar-uj-ing-er-estr-ge-bo-*, kiuj kuniĝas nur kun substantivoj ; *il-em-ebl-ind-dis-ek-re-*, kiuj kuniĝas nur kun verboj.

2^e^ Tiuj kiuj kuniĝas kun primitivaj vortoj de diversaj naturoj ; ili estas : *ej-ist-ad-um-*, kiuj kuniĝas kun substantivoj kaj verboj ; *mal*, kun adjektivoj kaj verboj ; *ec-aĵ-ul-ig-iĝ-et-eg-aĉ-*, kun substantivoj, adjektivoj kaj verboj.

En la praktiko, oni konstatas ke nenia dubo ekzistas pri la preciza signifo de la kunmetataj vortoj formataj per la afiksoj de la unua klaso de tiu lasta klasado, dum kontraŭe okazas diskutadoj pri la preciza signifo de la kunmetataj vortoj formataj kun kelkaj el la afiksoj de la dua.

Do ŝajnas ke tiuj duboj devenas el tio, ke tiuj lastaj afiksoj estas difinitaj kiel povantaj kuniĝi kun primitivaj vortoj de diversaj naturoj, kaj ke oni malaperigus tiujn dubojn, enigante tiujn afiksojn en la unua klaso, t. e. donante de ĉiu el ili nur unu difinon, rilatan al speciala naturo de la primitiva vorto.

Sed por ke tiu metodo estu akceptebla, estas necesa ke ĝi ne komplikigu la uzon de la afiksoj, kaj ne enkatenigu la verkistojn en malhelpantaj reguloj : ni tuj montros ke, kontraŭe, tiu metodo, certiganta la rezultatojn de la uzo de la afiksoj, faciligas tiun uzon.

Efektive tiu metodo rezultas rekte de tio, kion ni diris pri la neceseco enirigi en kunmetataj vortoj, nur precizajn elementojn ; ĉar vortoj formataj per afiksoj estas kunmetataj vortoj, ni devas apliki tiun principon kaj, kiel por tiuj lastaj, doni unue al la entenataj elementoj, ilian maksimuman formon.

Difinante la afiksojn kiel ni proponas, ni precizigos absolute la rezultaton de ilia uzo, kondiĉe ke la primitiva vorto havu la gramatikan naturon specialan al la afikso : do estas nur necesa ke tiu primitiva vorto estu preciza.

Kiam ni volos fari precizan kunmetatan vorton uzante afikson, ni sekve devos trovi la primitivan vorton de gramatika naturo speciala al la afikso kaj de preciza signifo, kiu devas kuniĝi kun tiu afikso.

Nu ni scias kiaj estas la precizaj vortoj : ili estas nur la naskvortoj, la gramatikaj derivatoj de fiksata signifo, la radikvortoj kaj la kunmetataj vortoj kiuj havas ilian maksimuman formon. (Memoru ke la gramatikaj derivatoj de signifo ne fiksata ne havas ilian maksimuman formon).

Post kiam ni estos formintaj tiun primitivan vorton kaj, kun ĝi kaj la afikso, la maksimuman formon de la kunmetata vorto, ni povos laŭokaze, se la ĉirkaŭa teksto ebligas la kompreneblecon de tiu vorto forigi pli mal-pli grandan parton de la primitiva vorto kaj povas okazi ke la minimuma formo, tiamaniere ricevata, estos tute simpla. Memoru tamen, en tiu pli-simpligado ke, se la primitiva vorto estas naskvorto, oni povas forigi ĝian gramatikan finaĵon (ĉar per difino, la radiko riprezentas ĝin), sed ke se ĝi estas gramatika derivato de fiksata difino, oni devas kelkafoje kon-servi ĝin, kiel ni montris.

*(Ekz : Se mi intencas esprimi ideon de la aĵoj, kiujn oni uzas por kons-trui, mi ricevas per la nuna metodo* konstruaĵoj, *kaj oni scias ke tiu vorto ne estas preciza ĉar ĝi okazigis multajn diskutadojn. Uzante la proponatan metodon, ĉar ni scios ke* aĵ *kuniĝas nur kun adjektivoj, ni formos la adjek-tivon* konstrua *kiu, kiel ni scias ne estas preciza ; sekve por esprimi nian ideon, ni devos fari* konstruanta *kiu estas tute preciza kaj formi la precizan vorton* konstruantaĵo *sed mi tre kompreneble povos diri :* La konstruaĵoj, kiujn oni uzis por ripari tiun domon).

Ni do atingas la saman rezultaton kiel per la nuna metodo, ne bezonante multe pli da peno, kaj ni ricevas tiun grandan profiton, je la vidpunkto de la teknika lingvo, ke ni faras senhezite precizajn vortojn, kiuj poste ni konscie malprecizigos, konsiderante samtempe la kompreneblecon de la teksto kaj ĝian oportunan uzon.

Koncerne la radikvortoj, oni rimarkos ke kelkafoje, oni bezonas kunigi kun afiksoj, kelkajn el tiuj vortoj, kiuj ne ĝis nun formis derivatojn, kaj sekve ne povas esti konsiderataj kiel radikoj. Oni do ne povas apliki al ili la supredonitajn regulojn. En tia okazo, oni devas konsideri la afikson kiel memstara radiko. Aliparte, tiu okazo estas malofta kaj nur produktiĝas kiam oni kunigas *ig* kaj *iĝ* kun la prepozicioj : *al-de-el-for*, k. t. p. ; ni montris supre ke tiaj vortoj estas kompreneblaj kaj precizaj.

Oni ankaŭ devas rimarkigi ke oni ricevas kunmetatan vorton de preciza signifo nur se ĝi estas naskvorto, t. e. se ĝi havas aŭ la gramatikan natu-ron de la primitiva vorto (por la afiksoj kiuj ne ŝanĝas tiun naturon) aŭ la naturon specialan al la afikso (por la afiksoj de la alia speco). *Do oni ne-niam devas fari rekte kunmetatan vorton de alia gramatika naturo ol tiu montrata per la difino de la afikso; kiam oni bezonas fari kunmetatan vorton de alia naturo ol tiu lasta, oni devos unue fari tiun de la fiksata naturo kaj transiri poste al la derivato de la dezirata naturo.* Kaj ĉar, kiel ni diris la gramatikaj derivatoj ne estas principe precizaj vortoj, oni devas atenti ke en tiu transiro, la precizeco de la kunmetata vorto ne malaperu : (*Ekz :*

babilemo *ne estas preciza. Efektive* em *formas precizajn vortojn nur kun verboj, kaj formas nur precizajn adjektivojn, do* babili — em — a *estas preciza kaj estas naskvorto; sed* babilemo, *kiu estas derivato ne estas preciza; ĝi efektive povas esti mallongiĝo de* babilemulo *aŭ* babilemeco)[1].

La suba tabelo montras por ĉiu afikso, kiun ĝi entenas :

1e La gramatikan naturon de la primitiva vorto, kiu estas speciala al tiu afikso. Por tion ricevi, ni fiksis tiun specialecon por la afiksoj, kiuj, ĝis nun, estis konsiderataj kiel kuniĝantaj kun vortoj de diversaj gramatikaj naturoj.

2e La gramatikan naturon de la kunmetata vorto, kiu, kiel ni jus montris, estas ĉiam naskvorto.

**Gramatika naturo.**

| de la primitiva vorto | de la kunmetata vorto | | |
|---|---|---|---|
| | Substantivo | Adjektivo | Verbo |
| Substantivo | ge, bo, id, in, ar, an, uj, ing, er, estr. | | |
| Adjektivo | ec, aj, ul | | iĝ, ig |
| Verbo | ej, ist, il | ebl, em, ind | dis, ek, re, ad |

Oni rimarkas ke, en tiu tabelo, ne troviĝas la afiksoj : *mal, et, eg* kaj *aĉ*. Efektive, ne estas necesa specialigi la gramatikajn naturojn de la primitiva kaj kunmetata vortoj, kiuj donas kun ili precizajn signifojn ĉar unu nura difino sufiĉas por fiksi sendube la uzon de tiuj afiksoj, kiu ajn estu la gramatika naturo de tiuj vortoj.

## C. — *Difinoj de la afiksoj.*

Ĉar, kiel oni scias, la afiksoj povas naski gramatikajn derivatojn, ni donos iliajn difinojn unue kiel propre dirataj afiksoj, kaj due kiel radikoj.

La difino de afikso, je la unua vidpunkto, rezultas de la rilato de signifo inter la primitiva vorto kaj la kunmetata vorto. Ni donos tiun difinon nur por la gramatika naturo speciala al ĉiu afikso, kaj kiu estas montrata

[1] Al tio rimarkis ANTIDO : Mi ne konsentas, ke *babilemo* povas esti mallongigo de *babilemulo*. La vorto *babilema* estas adjektivo, kiel *granda* ekzemple (ĉar sufikso *em* estas adjektiva), kaj kiam oni substantivigas adjektivon oni ricevas *econ*, ne *ulon* (ĉar ĉiuj adjektivoj enhavas ideon *kvalitan* en si mem). Alidire *a* = *ec*, do *ao* = *eco*. (Red.)

en tiu tabelo; ni aldonas, laŭokaze, ekzemplojn de la aplikado de la supremontrita metodo por ricevi, en ĉiuj kazoj, precizajn kunmetatajn vortojn.

Je la dua vidpunkto, la afiksoj — kiel ni jam diris — ne povas esti konsiderataj kiel veraj radikoj, ĉar, en la kumetataj vortoj (kaj la radikvortoj estas en la sama situacio) ilia pozicio rilate al la aliaj elementoj de la vorto influas la signifon de tiu lasta : en la pozicioj, kiujn ili devas havi kiel afiksoj, ili povas esti nur afiksoj, do havi kun la aliaj elementoj difinitan rilaton de signifo; en alia situacio, ili ne povas havi tiun rilaton : (*Ekz :* skribilo *signifas france :* instrument pour écrire; *sed se mi deziras diri F. :* instrument en bois, *mi ne povas diri :* lignilo; *kontraŭe mi povas diri :* ilmaŝino = *F. :* machine-outil, *ĉar en tiu vorto* il *estas radiko kaj anstataŭas* ilo. *Kun vera radiko, mi povas diri :* ligno tablo = *F. :* table en bois *aŭ* konstruligno = *F. :* bois de construction).

Kiel por la veraj radikoj, ni donos la signifon de ĉiu afikso per ĝiaj tradukoj en kelkaj naciaj lingvoj.

Post la detalaj difinoj de la afiksoj ni donos kelkajn rimarkojn pri grupoj da afiksoj.

### Sufikso *ad*.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas fari laŭ ripetata, kutima aŭ senĉesa maniero, la agon, kiun la primitiva vorto signifas fari.

*Ekzemploj :* Marteli, marteladi — kanti, kantadi — marŝi, marŝadi.

*Rimarko :* Pro la bedaŭrinda kaŭzo, kiun ni signalis, la sufikso *ad* havas ankaŭ la alian sekvantan difinon : *la kunmetata vorto — substantivo — signifas la agon, kiun la primitiva vorto signifas fari.* Komence oni uzis en tiu signifo — pro manko de speciala sufikso — tiun sufikson, kiam la gramatika derivato en *o*, havis alian difinitan signifon : nun oni uzas ĝin en ĉiuj okazoj, kaj tiu farmaniero povas kaŭzi konfuzon inter la substantivo esprimanta la agon de la verbo finiĝanta en *i* kaj la agon de la verbo finiĝanta en *adi* (ambaŭ finiĝas en *ado*). Por eviti tiun konfuzon, ni konsilas anstataŭi *ad* per *ag* por esprimi la agon de la verbo finiĝanta en *i*, kiam tiuj du verboj ekzistas samtempe en la lingvo. (*Ekz. :* kanti *formos* kantago; kantadi *formos* kantado).

### Sufikso *aj*.

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas ion kvalifikatan per la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Bona, bonaĵo — utila, utilaĵo.

Se oni deziras esprimi ideon de io, kiu havas formon de ovo, oni devas unue formi la adjektivon *ova*, kaj, ĉar tiu adjektivo ne havas precizan signifon, oni formas la precizan adjektivon *ovforma;* la preciza kunmetata vorto esprimanta la ideon estas do *ovformaĵo;* sed oni povos uzi la mallongigatan : *ovaĵo*, se la komprenebleco ebligas tion. — Se oni deziras esprimi ideon de io, kion oni intencas konstrui, oni devas unue formi la

adjektivon *konstrua*, kaj, ĉar tiu adjektivo ne havas precizan signifon, oni formos la precizan adjektivon (participon) *konstruota;* la preciza kunmetata vorto esprimanta la ideon estas *konstruotaĵo*, sed oni povas uzi *konstruaĵo*, se la komprenebleco ebligas tion (rimarku ke *konstruaĵo* estas ankaŭ mallongiĝo de *konstruantaĵo*, *konstruataĵo*, k.t.p.). Se oni deziras esprimi ideon de io, kion oni vidas nun, oni devas unue formi la adjektivon *nuna;* sed, ĉar tiu adjektivo ne sufiĉe esprimas la ideon de la aĵo konsiderata, oni formas la precizan adjektivon *nunvidata;* la preciza kunmetata vorto esprimanta la ideon do estas *nunvidataĵo;* sed, oni povas uzi *nunaĵo*, se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de *nunestaĵo*, *nunpensaĵo*, k.t.p.).

*Tradukoj de* aĵo : F. : chose; G. : Sache, etwas; I. : cose; A. : thing.

Sufikso *an*.

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas personon kiu apartenas al grupo, kies speco estas esprimata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Grupo, grupano — vilaĝo, vilaĝano.

*Rimarko :* Oni povas uzi tiun sufikson kunigatan kun propra nomo; sed en tiu okazo la kunmetata vorto estas mallongiĝo de kunmetata vorto, konsistanta el la propra nomo kunigata kun alia simpla vorto esprimanta kuniĝo. (*Ekz. : parizano estas mallongiĝo* de parizurbano; Mahometano, *estas mallongiĝo* de mahometareligiano).

*Tradukoj de* ano : F. : membre; G. : Anhänger; I. : Seguace; A. : adherent.

(Vidu noton pri *an* kaj *ist*).

Sufikso *ar*.

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas kolekton da ioj aŭ estaĵoj samspecaj, de kiuj speco estas esprimata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Arbo, arbaro — estro, estraro.

*Rimarko :* Laŭ la difino donita de D^ro^ Zamenhof, oni devas uzi tiun sufikson, ne por formi nomon de kolekto da plimalpli granda nombro da ioj aŭ da personoj ne ligataj inter si, sed nur por formi nomon de kolekto da ioj aŭ da personoj, kiu havas individuan ekziston; en la unua okazo, oni uzas la sufikson kiel simplan radikon : (*Ekz. : oni diras* arbaro, vortaro; *sed oni diras :* tie kuŝis aro da dehakitaj arboj; li lernis aron da vortoj).

*Tradukoj de* aro : F. : ensemble, collection; G. Schaz; I. : insieme; A. : assembly, collection.

Prefikso *dis*.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas : fari laŭ multaj diversaj direktoj, la agon kiun la primitiva vorto signifas fari.

*Ekzemploj :* Vastigi, disvastigi — semi, dissemi.

*Rimarko :* Oni ne devas uzi tiun prefikson por formi kunmetatan vorton,

kiu esprimas apartigon; en tiu okazo oni devas uzi la vorton : aparte. (*Ekz. : oni ne devas diri :* la limo kiu disigas tiujn landojn, *sed* la limo kiu apartigas tiujn landojn).

*Tradukoj de* dise : F. : en dispersion; G. : zerstreut; I. : sparpagliatamente.

Sufikso *ebl.*

*Difino :* La kunmetata vorto — adjektivo — kvalifikas ion, kiu estas kapabla suferi la agon, kiun la primitiva vorto — ĉiam aktiva verbo — signifas fari.

*Ekzemploj :* Fari, farebla — konduki, kondukebla.

(Vidu noton pri : ebl, em, ind).

*Tradukoj de* ebla : F. : possible; G. : möglich; I. : possibile.

*Rimarko pri* eble : Oni uzas tiun vorton en du malsamaj — aŭ por pli ĝuste diri ne tute samaj signifoj : ĝi havas unue la signifon de la adverbo de la adjektivo ebla : (*Ekz. :* plej frue kiel eble). Ankaŭ ĝi havas la signifon de necerte, dube : (*Ekz. :* eble mi iros al vi). Ne ŝajnas necesa anstataŭi eble per alia vorto en tiu lasta signifo, kiu aliparte estas malfacile apartigebla de la unua; kiam la du signifoj troviĝos en la sama frazo, pli bone estos kompletigi la vorton kiu havas la unuan. (*Ekz. : anstataŭ* eble tiu eksperimento estas ebla, *oni diros* eble tiu eksperimento estas efektivigebla, realigebla, farebla, k.t.p.).

Sufikso *ec.*

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas la kvaliton posedatan de la io, aŭ la staton en kio troviĝas la io, kiun kvalifikas la primitivvorto.

*Ekzemploj :* Utila, utileco — bela, beleco — pura, pureco.

Se oni deziras esprimi kvaliton de io, kiu similas homon, oni unue devas formi la adjektivon *homa,* kaj ĉar tiu adjektivo ne havas precizan signifon, oni formas la precizan adjektivon *homsimila;* la preciza kunmetata vorto kiu esprimas la ideon estas sekve *homsimileco,* sed oni povas uzi : *homeco,* se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de *homestanteco, homamanteco,* k. t. p.).

Se oni deziras esprimi kvaliton de io, kiu estas sorbata, oni unue devas formi la adjektivon *sorba,* sed ĉar tiu adjektivo ne havas precizan signifon, oni formos la precizan adjektivon (participon) *sorbata,* kaj la preciza kunmetata vorto estas *sorbateco;* oni tamen povas uzi *sorbeco,* se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de *sorbanteco*).

Se oni deziras esprimi kvaliton de io, kiun oni vidas nun, oni devas unue formi la adjektivon *nuna;* sed, ĉar tiu adjektivo ne havas precizan signifon, oni formos la precizan adjektivon, *nunvidata,* kaj la kunmetata vorto kiu esprimas precize la ideon estas *nunvidateco;* sed oni povas uzi

*nunvideco,* aŭ *nuneco,* se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de *nunestanteco, nunpenseco,* k. t. p.).

*Tradukoj de* eco. — F : qualité ; G : Eigenschaft ; I : qualità ; A : quality.

*Rimarko :* En la scienca fako, oni ofte bezonas esprimi ideon de speciala, karakteriza eco, kiun oni tradukas france per la vorto *propriété ;* en tia okazo oni diros, *propreco,* kaj ne *eco.*

Sufiksoj *eg,* kaj *et.*

*Difino :* La kunmetata vorto — ĉiam de la sama gramatika naturo kiel la primitiva vorto — signifas ion, kvaliton, agon, k.t.p. de kiu la speco estas montrata de tiu primitiva vorto, kaj kiu havas kun ĝi rilaton de grandeco, (pli granda kun *eg,* pli malgranda kun *et*) sed tamen havas propran individuecon.

*Rimarko :* 1e Ofte, en la naciaj lingvoj, tiuj ioj estas esprimataj de vortoj, kiuj ne devenas de la primitiva vorto ; preskaŭ ĉiam ekzistas aro da tri vortoj kunrespondantaj al la tri esperantaj vortoj havantaj kiel radikon, tiun de la primitiva vorto kaj formataj per *eg* kaj *et.* (*Ekz :* venteto = F : brise ; vento = F : vent ; ventego = F : tempête ; rivereto = F : ruisseau ; rivero = F : rivière ; riverego = F : fleuve).

2e Oni povas formi kunmetatajn vortojn per kuniĝo de tiuj sufiksoj kun substantivoj, adjektivoj, verboj aŭ radikvortoj ; sufiĉas, kiel ni montris, ke la primitiva vorto havu precizan signifon por ke la kunmetata vorto estu ankaŭ preciza.

3e Ekzistas kelkaj internaciaj vortoj formataj per la kunigo de la finiĝo *ette* kun primitiva vorto, ankaŭ internacia ; tiuj vortoj tamen ne montras ion, kiu estas malpligrandiĝo de la io montrata de la primitiva vorto. Se oni konservus ilian formon, ili ŝajnus formataj per kuniĝo de la esperanta sufikso *et* kun esperanta radiko, kaj ebligus konfuzon kun tiuj vortoj, kiuj esprimas malgrandiĝon de la io montrata de la primitiva vorto (*Ekz :* cigarette *ne povas esti tradukata per* cigareto, *ĉar oni devas konservi tiun vorton por esprimi, ne malgrandan cigaron, sed specialan specon de malgrandaj cigaroj, se tia speco ekzistas).*

Sufikso *ej.*

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas lokon, en kiu efektiviĝas ago, kiun la primitiva vorto signifas fari.

*Ekzemploj :* Lerni, lernejo — manĝi, manĝejo.

Se oni deziras esprimi ideon de loko, en kiu oni loĝigas ĉevalon, oni devas formi la verbon montrantan kun precizeco la ideon *loĝigi ĉevalon,* kiu estas *ĉevalloĝigi ;* sekve la kunmetata vorto esprimanta kun precizeco la esprimotan ideon estas *ĉevalloĝigejo ;* sed oni povas uzi *ĉevalejo,* se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de *ĉevalkurejo, ĉevalvendejo, ĉevalmanĝigejo,* k. t. p.).

Se oni deziras esprimi ideon de loko en kiu estas io densa, oni devas

unue formi verbon montrantan kun precizeco la ideon esti densa kaj kiu estas *densesti;* sekve la kunmetata vorto kiu esprimas kun precizeco la esprimotan ideon estas *densestejo;* sed oni povas uzi *densejo*, se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de *densigejo*).

*Tradukoj de* ejo. — F : lieu, endroit; G : Ort; I : locale; A : locality, place.

Prefikso *ek*.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas : fari subite kaj momente la agon, kiun la primitiva vorto signifas fari.

*Ezemploj :* Brili, ekbrili — rigardi, ekrigardi.

*Rimarko :* Kvankam D^ro^ Zamenhof mem diris kaj ripetis, ke tiu prefikso estas uzota nur por formi vortojn, kiuj esprimas momentan agon, oni tre ofte uzas ĝin por formi vortojn, kiuj esprimas komencantan agon (Ekz : ekdormi, ekvidi, k. t. p.) anstataŭ uzi la verbon *komenci* kaj aldoni la vorton *subite*, se tiu komenco estas rapida (Ekz : mi komencis dormi ; li subite komencis vidi). Bedaŭrinde nun estas tro malfrue por forigi tiun novan sencon de *ek;* tamen, por ke la du sencoj ne estu tro malsimilaj, oni devos limi la uzon de tiu sufikso al la speciala signifo de nedaŭra komenco : (*Ekz : oni povas diri :* la pluvo, kiu komencis fali hodiaŭ matene, ekĉesis kiam la vento ekblovis, — tiu infano komencas marŝi, — ŝiaj haroj komencis blankiĝi jam de kelkaj jaroj, — ŝiaj haroj ekblankiĝis pro teruro).

Sufikso *em*.

*Difino :* La kunmetata vorto — adjektivo — kvalifikas ion, kiu havas inklinon agi laŭ la maniero montrata de la primitiva vorto — verbo.

*Ekzemploj :* Ami, amema — babili, babilema — manĝi, manĝema.

(Vidu noton pri : *ebl, em, ind*).

*Tradukoj de* ema. — F : qui a une tendance à; G : geneigt; I : inclinato ; A : inclined to. *Tradukoj de* emi. — F : avoir une tendance à ; G : geneigt sein; I : inclinare.

Sufikso *er*.

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas ion, kiu estas elementa parto de alia io, esprimata de la primitiva vorto ; tiu lasta estante ekskluzive formata per la kuniĝo de elementoj similaj al la unua.

*Ekzemploj :* Sablo, sablero — karbo, karbero, k. t. p.

(Vidu noton pri *ar, an* kaj *er*).

*Tradukoj de* ero. — F : élément constitutif; G : Teil ; I : unità (d'insieme) ; A : fragment.

*Rimarko :* Oni ne devas uzi tiun vorton *ero*, laŭ la senco de *malgranda parto de io*, kiel oni faras kelkafoje, anstataŭ *eto*, minimuma formo de *etaĵo*. Jen ankoraŭ inklino apliki la jam signalitan malbonegan metodon, kiu konsistas uzi sufikson en du malsamaj signifoj.

Sufikso *estr.*

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas personon, kiu komandas al organizita aro da aliaj personoj, aro de kiu la formo aŭ speco estas esprimata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Regno, regnestro — ŝipo, ŝipestro — urbo, urbestro.

*Rimarko :* Tiu sufikso donas al la kunmetata vorto signifon kunrespondantan al tiu, kiun donas kun la sama primitiva vorto la sufikso *an :* la unua montras la personon, kiu komandas al la personoj montritaj de la dua. (*Ekz. :* regno, regnano, regnestro — ŝipo, ŝipano, ŝipestro — vilaĝo, vilaĝano, vilaĝestro, k. t. p.).

*Tradukoj de* estro. — F : chef; G : Meister, Oberhaupt, Vorstcher; I : capo; A : master.

Prefikso *ge.*

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo kun la multenombra formo — signifas kunon da personoj de ambaŭ seksoj, de kiuj la individueco estas esprimata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Patro, patrino : gepatroj — sinjoro, sinjorino : gesinjoroj.

Sufikso *id.*

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas estaĵon, kiu devenas per naskiĝo de alia estaĵo, de kiu la speco estas esprimata de la primitiva vorto; metafore la kunmetata vorto signifas ion devenantan de la io esprimata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Bovo, bovido — koko, kokido — princo, princido.

*Tradukoj de* ido : F. : descendant; G. : Abkömmling; I. : discendante, generato; A. : descendant.

Sufikso *ig.*

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas : fari agon, per kiu io (rekta komplemento) fariĝas kvalifikata de la primitiva vorto — adjektivo.

*Ekzemploj :* Bona, bonigi — fluida, fluidigi.

Se oni bezonas esprimi la ideon : doni al io formon de sfero, oni devas unue formi adjektivon kiu signifos precize: kiu havas formon de sfero, kaj tiu adjektivo estas *sferforma;* sekve la kunmetata vorto kiu esprimas precize la esprimotan ideon estas : *sferformigi;* sed oni povos uzi : *sferigi* se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke la adjektivo *sfera* povas ankaŭ esti mallongiĝo de *sferapartena*).

Se oni deziras esprimi ideon agi tiamaniere ke iu manĝu, oni devas unue formi la precizan adjektivon (participon) *manĝanta;* la preciza kunmetata vorto, kiu esprimas la esprimotan ideon estos do *manĝantigi;* sed oni povas uzi *manĝigi,* se la komprenebleco ebligas tion. (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de la vorto *manĝatigi*).

*Rimarko :* Kelkafoje la verbo (primitiva vorto) havas rektan komplementon kaj, ĉar la subjekto de tiu verbo estas ankaŭ rekta komplemento

de la kunmetata vorto, oni havus du rektajn komplementojn; por eviti tion, kiu ebligus miskomprenon, oni uzas prepozicion antaŭ unu el la du komplementoj. (*Ekz. : anstataŭ diri :* mi sciigas amikon novaĵon, *oni povas diri :* mi sciigas amikon pri novaĵo *aŭ :* mi sciigas novaĵon al amiko).

Se tiu rimedo ne sufiĉas por malaperigi la eblecon de miskompreno, oni apartigas la du verbojn (*igi* kaj la primitivan vorton) : (*Ekz. :* la generalo manĝigis la ĉevalaron de la armeo, *ne estas sufiĉe komprenebla; oni do diros laŭokaze :* la generalo igas ke la ĉevalaro de la armeo manĝu, *aŭ* la generalo igas ke la armeo manĝu la ĉevalaron). Oni ankaŭ povus kompletigi la kunmetatan vorton : (*Ekz. : en la unua okazo, oni diros :* la generalo manĝantigas la ĉevalaron de la armeo; *kaj en la dua :* la generalo manĝatigas la ĉevalaron de la armeo).

*Tradukoj de* igi : F. : faire, rendre; G. : machen; I. : far diventare; A. : to cause.

Sufikso *iĝ*.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas akiri la kvaliton, kiun havas io kvalifikata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Bona, boniĝi — fluida, fluidiĝi.

Se oni bezonas esprimi la ideon ke io akiras formon de ovo, oni unue formas la precizan adjektivon *ovforma;* la preciza kunmetata vorto esprimanta la ideon estas *ovformiĝi;* sed oni povas uzi *oviĝi* se la komprenebleco ebligas tion.

*Rimarko :* Estas necesa atente konsideri la rolon de tiu sufikso por bone scii en kiaj okazoj oni devas uzi ĝin, kiam la primitiva vorto estas participo.

Kiam oni kunigas ĝin kun adjektivo, oni ricevas verbon kiu montras transiron inter du precizaj statoj; ekzemple oni povas aranĝi tian serion laŭ la sekvanta maniero : 1ᵉ *ne esti bona ;* 2ᵉ *boniĝi;* 3ᵉ *esti bona.* Nun ekzamenu tion, kio okazas kiam la adjektivo estas anstataŭata de aktiva aŭ pasiva participo.

La aktiva participo, ekzemple estanteca, kvalifikas tiun kiu faras la agon; do la kunigo de tiu participo kun *iĝ* naskas verbon kiu montras transiron inter la stato en kiu oni ne faras la agon kaj tiu, en kiu oni faras la agon. (*Ekz. :* sidantiĝi *aŭ* sidiĝi *montras tre bone la transiron inter la stato en kiu oni ne sidas kaj tiu en kiu oni sidas; same,* manĝantiĝi *aŭ* manĝiĝi, *kunrespondas al la franca esprimo :* se mettre à table; dormiĝi *al la franca esprimo* : s'endormir; amantiĝi *aŭ* amiĝi, *al la esprimo :* s'amouracher).

La pasiva participo kvalifikas tion, kio suferas la agon; do la kunigo de tiu participo kun la sufikso naskas verbon, kiu montras transiron inter la stato en kiu oni ne suferas la agon, kaj tiu, en kiu oni suferas tiun agon. (Ekz : la terpomoj manĝatiĝas (*aŭ* manĝiĝas) *montras la agon, kiun suferas*

*la terpomoj, kaj post kiu ili estas manĝataj*; mi sciiĝas tiun novaĵon *montras la agon post kiu mi scias la novaĵon*).

La kunmetata vorto formata per kuniĝo de verba radiko kun *iĝi*, taŭgas speciale por montri tiun specon de ago, pri kiu oni ne scias aŭ ne deziras scii ĉu la kaŭzo estas la subjekto aŭ alia aganto.

En la naciaj lingvoj, tiaj agoj estas preskaŭ ĉiam esprimataj per la refleksaj verboj — ĉar instinkte oni supozas ke la aganto estas la subjekto mem. (*Ekz.* : *oni ne povas diri* : la suno levas sin, *ĉar tio estas science malvera ; kaj oni devus diri :* la suno levatiĝas, *sed tio instigus komplikatajn klarigojn kaj sciencajn konojn ; do oni diras* la suno leviĝas *kaj tion farante oni nur konstatas fakton*).

Tiu principo estas tre utila por precize montri en kiaj okazoj oni devas uzi *iĝ* aŭ ne. (*Ekz.* : *se oni deziras esprimi ke iu eliras el sia lito, ne precizigante ĉu estas li, aŭ alia persono kiu faras la operacion, oni diras :* li leviĝas ; *se oni estas certa ke estas li kiu faras tiun agon, oni diros :* li levas sin). Aliparte la ekzemplo donita de D^ro^ Zamenhof pri *morti* estas sufiĉe klara, kiam oni konsideras ĝin je tiu vidpunkto : (li mortiĝis sed li ne mortigis sin).

*Tradukoj de* iĝi. — F : devenir ; G : werden ; I : diventare, farsi ; A : to become.

### Sufikso *il*.

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas ion, materian aŭ ne, kiun oni uzas por agi laŭ la maniero difinita de la primitiva vorto — verbo.

*Ekzemploj :* Kalkuli, kalkulilo — kudri, kudrilo.

*Rimarko :* En teknologio, oni uzos speciale tiun sufikson por montri instrumenton, kiu agas rekte sur la agata aĵo ; ĝi povas esti movata de homa mano aŭ de maŝino : (*Ekz.* : *en maŝino, kiun oni uzas por stebi kaj kiun oni nomas* stebmaŝino, *la instrumento kiu agas rekte sur la tolo estas nomata* stebilo).

*Tradukoj de* ilo. — F : instrument ; G : Werkzeug ; I : arnese, strumento ; A : tool.

### Sufikso *in*.

*Difino :* En ĉiu speco de estaĵo, krom en kelkaj maloftaj kazoj, troviĝas estaĵoj de du seksoj ; estaĵo de unu el tiuj seksoj estas montrata per la nomo mem de la speco (aŭ kiam oni volas montri ĝian rolon en la naskado, per tiu nomo kuniĝata kun *viro*), kaj estaĵo de la dua sekso, per la nomo de la speco kuniĝata kun la sufikso *in*. Ankaŭ, oni aldonas tiun sufikson al nomo de profesisto por montri estaĵon de tiu dua sekso, farantan tiun metion.

*Ekzemploj :* Bovo, bovino — doktoro, doktorino.

Sufikso *ind.*

*Difino :* La kunmetata vorto — adjektivo — kvalifikas ion, kiu meritas suferi la agon, kiun la primitiva vorto — ĉiam aktiva verbo signifas fari.

*Ekzemploj :* Laŭdi, laŭdinda — vidi, vidinda.

(Vidu noton pri *ebl, em, ind*).

*Tradukoj de* inda. — F : digne de ; G : wert, würdig ; I : degno di ; A : worthy.

Sufikso *ing.*

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas aĵon, kiun oni uzas por teni aĵon montratan de la primitiva vorto. Tiu lasta aĵo povas esti tenata ĉu per kavaĵo, ĉu per pintaĵo troviĝanta sur la unua.

*Ekzemploj :* Kandelingo *povas teni kandelon ĉu ĉar ĝi eniras en tubo ekzistanta en la* kandelingo, *ĉu ĉar ĝi estas fiksata sur* pinto *troviĝanta sur tiu* kandelingo.

*Rimarko :* Oni povas diri ke la kunmetata vorto montras tenilon laŭ la plej ĝenerala signifo. (*Ekz. :* cigaro, cigaringo — plumo, plumingo).

Sufikso *ist.*

*Difino :* La kunmetata vorto — substantivo — signifas personon, kiu kutime aŭ metie, agas laŭ la maniero montrata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Kuiri, kuiristo — veturi, veturisto.

Se oni deziras esprimi la ideon de persono, kiu studas sciencon, oni devas formi la precizan verbon *sciencostudi;* kaj la preciza kunmetata vorto, kiu esprimas la ideon estas *sciencostudisto,* kiun oni povas mallongigi, dirante *sciencisto.* (Rimarku ke tiu lasta vorto estas ankaŭ mallongiĝo de *sciencolernisto, sciencelpensisto,* k.t.p.).

(Vidu noton pri *an* kaj *ist*).

Prefikso *mal.*

*Difino :* La kunmetata vorto — kies gramatika naturo estas ĉiam tiu de la primitiva vorto, t. e. adjektiva aŭ verba — signifas la kvaliton, aŭ la agon, inversan de tiu montrata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Bona, malbona — rapida, malrapida — ŝraŭbi, malŝraŭbi.

*Rimarko :* 1e Pro la manko de adjektivo de ĝenerala senco, oni kelkafoje uzas la saman adjektivon, kiu montras ĝenerale iun kvaliton, por montri ankaŭ iun altan gradon de tiu kvalito ; en tiu okazo la prefikson *mal* oni uzas por formi, kun tiu adjektivo, kunmetatan vorton, kiu signifas la malaltan gradon de tiu kvalito : (*Ekz.: oni diras ĝenerale :* tiu vojo estas longa je 50 kilometroj ; *sed oni diras ankaŭ pri la sama vojo, komparante ĝin al alia :* tiu vojo estas mallonga. *Oni faras same pri ĉiuj adjektivoj, kiuj montras mezuron :* granda, alta, rapida, k.t.p.).

2ᵉ Oni povas kunigi *mal* kun adverboj : la difino, kiun ni donis, taŭgas en tiu okazo, se oni formas unue la adjektivon el kiu devenas tiu adverbo : (*Ekz.* : malantaŭe *havas inversan sencon de* antaŭe).

(Vidu noton pri *mal, ne* kaj *sen*).

*Tradukoj de* male. — F : au contraire; G : im Gegensatz; I : al contrario; A : contrarily.

Prefikso *re*.

*Difino* : La kunmetata vorto signifas agi denove laŭ la maniero esprimata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj* : Vidi, revidi — legi, relegi.

*Rimarko* : En la komuna lingvo, oni uzas ofte tiun prefikson laŭ alia senco : (*Ekz.* : *oni diras* mi revenas *por montri ke oni iras de la punkto kien oni iris, ĝis la punkto el kie oni venis*). Estas danĝera, laŭ la teknika vidpunkto, uzi tiun prefikson laŭ tiuj du signifoj ; kaj ni insiste konsilas uzi ĝin nur laŭ la unua.

(Vidu noton pri nova prefikso *retro*).

*Tradukoj de* ree. — F : de nouveau ; G : von neuem ; I : di nuovo ; A : again.

Sufikso *uj*.

*Difino* : La kunmetata vorto — substantivo — signifas ion, kiu entenas aliajn iojn de la speco difinita per la primitiva vorto.

*Ekzemploj* : Sukero, sukerujo — akvo, akvujo.

*Rimarko* : En la komuna lingvo, oni uzas ankaŭ tiun sufikson laŭ du aliaj najbaraj signifoj ; laŭ la unua ĝi utilas por formi nomojn de arboj kiuj produktas fruktojn montratajn de la primitiva vorto : (*Ekz.* : vinbero, vinberujo — pomo, pomujo) ; en la teknika lingvo, oni ne povas konsenti pri tiu signifo kiu eblígus konfuzon : (*Ekz.* : pomujo *povas signifi : ĉu arbon kiu produktas pomojn, ĉu vazon kiu entenas pomojn* ; aliparte en la botanika fako, oni devos uzi precizajn nomojn kiel *arbo, arbedo* aŭ *arbusto*). Laŭ la dua signifo tiu sufikso utilas por nomi landon per la nomo de la gento ĝin loĝantan. De kelkatempo oni klopodas por anstataŭi *uj* per alia finaĵo. Ni opinias ke estus bona ke oni alprenu tiun metodon, pro la motivoj, kiujn ni klarigis komence. (Vidu proprajn nomojn).

*Tradukoj de* ujo. — F : contenant ; G : Behälter ; I : recipiente ; A : venel, hollow, implement.

Sufikso *ul*.

*Difino* : La kunmetata vorto — substantivo — signifas personon kvalifikatan per la primitiva vorto.

*Ekzemploj* : Riĉa, riĉulo — avara, avarulo.

Se oni deziras esprimi la ideon de persono, kiu havas ĝibon oni devas

unue formi la precizan adjektivon *ĝibhava;* kaj la kunmetata vorto, kiu esprimas kun precizeco la ideon estas *ĝibhavulo,* sed oni povas uzi *ĝibulo* se la komprenebleco ebligas tion (aŭ *dormanto* se la ago estas ne kutima sed nur momenta).

Se oni bezonas esprimi la ideon de persono kiu dormas, oni devas unue formi la precizan adjektivon *dormanta;* kaj la preciza kunmetata vorto kiu esprimas la ideon estas *dormantulo;* sed oni povas uzi *dormulo* se la komprenebleco ebligas tion.

*Rimarko:* Neniam oni devas uzi tiun sufikson por formi nomon de aĵo, kiu ĉiam devas esti formata per tiu lasta sufikso.

Sufikso *um.*

*Difino:* La kunmetata vorto — kiu ne havas ĉiam la gramatikan naturon de la primitiva vorto — esprimas ideon de kiu la rilato de senco kun la ideo esprimata de la primitiva vorto, estas esprimebla per neniu el la rimedoj, kiujn donas la lingvo.

*Ekzemploj:* Aero, aerumi — kolo, kolumo.

*Rimarko:* Oni devas tre atenti ke *um* ne devas esti uzata anstataŭ sufikso ne ekzistanta, sed kiun oni povus enkonduki se estus necesa. Kiel *je, um* estas uzata nur kiam la rilato, kiel ni diris, inter la primitiva kaj la kunmetata vorto ne estas simple esprimebla: (*Ekz: kvankam ne ekzistas sufikso por formi kun la vorto oro, vorton kiu signifus kovri per oro, oni ne povas uzi* orumi, *por tiu signifo, ĉar oni povus imagi sufikson, kiu havus tiun signifon aŭ eĉ uzi la radikon* kovr; *kontraŭe la rilato de senco inter la vortoj* aero *kaj* aerumi *estas tro komplikata, por ke oni povu uzi, aŭ novan sufikson, aŭ specialan radikon por montri ĝin*).

Plie, oni devas malmulte uzi tiun sufikson; la vortoj formataj per ĝi estas malpli facile lernotaj ol la kunmetataj vortoj, ĉar ili entenas nur unu ideon, kaj oni devos lerni ilin kiel simplajn vortojn.

Rimarkoj pri kelkaj grupoj de afiksoj kaj prepozicioj.

Pri *an* kaj *ist.* — Tio, kio apartigas la personojn montratajn per la kunmetata vorto formata per *an,* el la personoj montrataj per la kunmetata vorto formata per *ist,* estas, ke la unuaj estas karakterizataj per tiu fakto ke ili apartenas al grupo, societo, k.t.p. dum la lastaj estas karakterizataj per la ago, kiun ili faras. (*Ekz.: oni povas diri ke* esperantano *estas persono, kiu partoprenas la grupojn en kiuj oni aprobas aŭ uzas Esperanton; sed* esperantisto *estas persono kiu okupas sin pri nia lingvo kaj propagandas ĝin.* Esperantano *estas neaganta persono;* esperantisto *estas apostolo*).

Pri *ebl, em* kaj *ind.* — Se oni kunigas tiujn tri sufiksojn kun la participaj finaĵoj kaj nova sufikso *iv* pri kiu ni poste parolos, oni povas klasi ilin laŭ la sekvanta tabelo:

| Difino | Finaĵoj de la kunmetataj adjektivoj. | | | |
|---|---|---|---|---|
| | aktivaj | | pasivaj | |
| Kapablo de ago | iva | kiu estas kapabla agi (kondukiva) | ebla | kiu kapablas suferi agon (kondukebla) |
| Inklino al ago | ema | kiu inklinas al ago (kondukema) | inda | kiu inklinas suferi agon (kondukinda) |
| ago estinta | inta | kiu agis (kondukinta) | ita | kiu suferis agon (kondukita) |
| ago estanta | anta | kiu agas (kondukanta) | ata | kiu suferas agon (kondukata) |
| ago estonta | onta | kiu agos (kondukonta) | ota | kiu suferos agon (kondukota) |

Pri *ej* kaj *uj*. — La difinoj, kiujn ni donis, ebligas facile distingi la okazojn en kiuj oni devas uzi unu aŭ la alian el tiuj sufiksoj, ĉar *ej* estas uzota por montri nur lokon en kiu oni agas, dum *uj* estas uzota por montri nur aferon entenantan alian : (*Ekz. :* sukerujo *entenas sukeron;* sukerejo *estas mallongiĝo de* sukerfabrikejo, sukervendejo, k.t.p. Abelujo *estas nepreciza vorto : oni devas diri* abelejo, *kiu estas mallongiĝo* de abelloĝejo; *eĉ tiu vorto devas esti uzata nur se la ĉirkaŭa teksto ebligas kompreni precize ĝin, ĉar ĝi ankaŭ estas mallongiĝo de* abellaborejo, abelflugejo, k.t.p.).

Pri *an*, *ar* kaj *er*. — La kunmetataj vortoj formataj per *an* kaj *er* kunrespondas unu la alian; la unuaj riprezentas estaĵojn, la duaj, aĵojn sed ĉiuj riprezentas elementojn, kiuj kuniĝas por formi ion, kiu povas esti montrata per vorto formata per *ar*. Reciproke io riprezentata per vorto formata per *ar*, estas formata de estaĵoj aŭ aĵoj, kiujn oni povas riprezenti per vortoj formataj per *an* kaj *er* : (*Ekz. : oni povus skribi :* grupo = grupanaro; sablo = sableraro; juĝisto = juĝistarano; arbo = arbarero).

Tamen oni kelkafoje uzas la formon *anaro* por montri la kuniĝon de personoj, kiuj aliparte estas anoj de alia kuniĝo : (Ekz. : grupanaro *povas signifi aron da personoj, kiuj aliparte estas membroj de grupo; en tia okazo,* grupanaro *ne signifas* grupo).

Pri la prefikso *mal* kaj la prepozicioj *ne* kaj *sen*. — Ni vidis ke *mal* kuniĝas nur kun adjektivoj kaj verboj. La prepozicio *ne* povas kuniĝi nur kun adjektivoj kaj verboj; ĝi formas vortojn kiuj, aŭ kvalifikas iojn ne havantajn la kvaliton, kiun havas la iojn kvalifikatajn de la adjektivo, aŭ signifas ne agi laŭ la maniero esprimata de la verbo. Fine, la prepozicio *sen* kuniĝas nur kun substantivoj, ĉar ĝi formas vortojn montrantajn la foreston de la io esprimata de la substantivo : (*Ekz. : kio ne estas reala, estas* nereala *kaj ne* malreala; *oni devas distingi la verbon* neobei *kiu signifas ne efektivigi ordonon, kaj la verbon* malobei, *kiu signifas agi laŭ la maniero inversa je tiu, kiun oni farus obeante; oni devas diri :* nebezoni *kaj ne* senbezoni, k.t.p.).

Sekve, en la praktiko oni ne povas dubi pri la kazoj en kiuj oni devas uzi unu aŭ alian el tiuj tri partikuloj, kondiĉe ke oni atentu ke la vorto al kiu oni intencas aldoni ilin, estu simpla preciza vorto kaj ne minimuma formo de alia vorto. Ofte oni ne faras tion, kaj oni ricevas malbonajn vortojn, pro tio ke ili ŝajnas formataj per kuniĝo de iu el tiuj partikuloj, kun vorto de alia gramatika naturo ol tiu, kiu estas al ĉiu el ili speciala. Tio estas ekzemplo de la rimarko, kiun ni faris pri la elekto de la minimumaj formoj, t.e. ke oni ne devas mallongigi la vortojn, ĝis formo kiu ebligas aŭ miskomprenon aŭ malbonuzon de la vortoj : (*Ekz.* senutila *estas mallongiĝo* de senutiloestanta; *sed ĝi ŝajnas formata de la kuniĝo de* sen *kaj* utila, *kiu donas nenian signifon : oni devas diri* neutila).

Pri la prepozicioj *el* kaj *tra*. — Oni tre ofte uzas tiujn prepoziciojn laŭ la signifo de *komplete, tute, funde,* kiam oni uzas ilin kiel prefiksoj; tio ne estas ilia fundamenta senco; estus dezirinda ke oni anstataŭu ilin per *tut* : (*Ekz.* : *oni diras* : mi ellernis la lingvon *en la senco de* mi lernis la tutan lingvon; *oni devas diri, se oni deziras mallongigi la frazon* : mi tutlernis la lingvon. *Oni diras* tralegi libron *en la signifo de legi la tutan libron; tiu vorto tradukas la francan esprimon* : parcourir le livre, *kaj la preciza esprimo estas* : tutlegi libron).

## D. — ALPRENO DE NOVAJ AFIKSOJ.

### *a) Ĝeneralaj konsideroj.*

D^ro^ Zamenhof diris : « Por pliriĉigi la lingvon, kelkaj amikoj proponis « diversajn novajn sufiksojn kaj prefiksojn el tiuj kelkaj estis, laŭ mia « opinio, tre bonaj; mi tamen ne povis ilin akcepti ĉar mi gvidis min per « la sekvanta principo : lingvo, kies unua kaj plej grava celo estas fariĝi « tutmonda devas antaŭ ĉio esti la plej simpla kaj la plej facila por ĉiuj, « tial ĉiujn novajn regulojn sen kiuj la lingvo povas tre bone ekzisti kaj « kies akcepto iom pli malfaciligus la lernadon de la lingvo, ni ne devas « akcepti kvankam ili, per si mem, estus tre belaj..... »

Se oni devas apliki tiun principon en ĉio, kio koncernas la komunan lingvon, oni povas rimarkigi ke ĝia aplikado al la teknika lingvo malhelpus, je ia grado, la formadon de la necesaj esprimoj.

Efektive tiu lingvo devas, antaŭ ĉio esti preciza kaj jam de la komenco de tiu verko, ni klopodis por starigi konsilojn, kies celo estas la farado de precizaj vortoj : tiun precizecon oni povas nur atingi — se oni ne volas enkonduki multajn novajn vortojn — formante kunmetatajn vortojn, kiujn nur la uzo de afiksoj ebligas mallongigi, ne malgrandigante ilian precizecon. Plie la afiksoj uzataj en la komuna lingvo ne permesas esprimi iajn ideojn, kiujn oni renkontas en la teknika lingvo, preskaŭ tiel ofte kiel oni

renkontas en la komuna lingvo, la ideojn esprimatajn per la uzo de la nunekzistantaj afiksoj.

El tio oni povas konkludi ke iom da libereco oni povas lasi al la teknikistoj pri la enkonduko de novaj afiksoj. Sed tiun liberecon, ili devas uzi kun multe da zorgemo, atentante pri la suprecititaj paroloj de nia Majstro, kaj pri tiu fakto ke, ĉar estas malfacila en kelkaj okazoj apartigi la komunan kaj la teknikan lingvojn, iuj el tiuj novaj afiksoj iom post iom eniros en la komunan lingvon.

Pro tiuj diversaj kaŭzoj, ni difinos plej precize kiel eble, la kondiĉojn, kiujn devas plenumi proponata afikso, por ke oni povu ĝin akcepti.

*b) Kondiĉoj de akcepto de proponata afikso.*

Konsiderata kiel afikso (laŭ la senco, kiun havas tiu nomo en la naciaj lingvoj) :

Tiu afikso devas esti *utila*, t.e. oni bezonas formi per ĝi grandan nombron da vortoj.

Tiu afikso devas esti *necesa*, t.e. doni al la kunmetataj vortoj, kiujn oni formas kun ĝi, rilaton de signifo kun la primitiva vorto, kiun oni ne povus ricevi per la aldono al tiu lasta vorto, de afikso aŭ de radiko jam ekzistantaj, tiu radiko havanta taŭgan formon; (*Ekz. : la afikson* iso — *kiun oni renkontas en multaj sciencaj vortoj — oni ne povas enkonduki, ĉar la jam ekzistanta radiko* sam *povas ludi la saman rolon*).

Rimarku ke tiu principo ne malhelpas la enkondukon de la internaciaj afiksoj (kiel iso); sed ili restas kunligataj kun la radikoj al kiuj ili estas kunligataj en la internaciaj vortoj, kiujn oni enkondukas. (*Ekz. : oni povas alpreni* isomera, isoterma, *k.t.p. sed* iso *ne fariĝas esperanta afikso, pro tio*).

Rimarku ankaŭ ke la fakto ke afikso, kiun oni intencas enkonduki, jam ekzistas en la lingvo, ne devas malhelpi novan alprenon de ĝi, se ĝi, ĝis nun, havas signifon specialan al la komuna lingvo aŭ al teknika fako tre malsimila al tiu, kiun oni konsideras : (*Ekz. oni povas enkonduki la sufikson* it *en la medicina fako, kvankam ĝi ekzistas en la komuna lingvo (finaĵo de participo) kaj povos esti uzata en la ĥemia kaj geologia fakoj*).

Tiu afikso *devas havi taŭgan formon*, t.e. konsisti el du silaboj maksimume, kaj — se ĝi estas sufikso — komenci per vokalo.

Tiu afikso devas *ekzisti en unu aŭ kelkaj el la naciaj lingvoj* kun sama aŭ najbara formo. Estos ankoraŭ pli bona se ĝi estas tute internacia, kaj, en tiu okazo, apartenas al la latina aŭ greka lingvoj. Tiamaniere ĝi estos pli facile lernebla kaj ĝi oferos la profiton malaperigi en la vortaro kelkajn el tiuj vortoj, kiujn ni nomas *hibridaj*. (Vidu poste).

Tamen oni devas tre atenti pri tiu lasta punkto, ĉar tre ofte okazas ke, en la naciaj lingvoj, la vortoj formataj per sufikso ne plu havas ilian

primitivan signifon ; kaj sekve oni ne plu ricevos ilian novan signifon, aldonante la novan sufikson al la radiko ankaŭ esperantigata. Plie tiu sufikso eble havas, en la naciaj lingvoj, kelkajn malsimilajn signifojn, kiuj ne estas sufiĉe najbaraj, por ke unu nura esperanta afikso povu ilin riprezenti : (*Ekz. : en la franca lingvo la finaĵo* ation *ne havas saman sencon en la vortoj* observation, navigation, administration; *la prefikso* com, *kiu unue signifis* kun *ne plu havas tiun sencon en la vortoj* compromettre, compenser, k.t.p.). Kaj se tiuj vortoj, por kiuj ne taŭgas la nova afikso estos pli multenombraj ol tiuj, por kiuj ĝi taŭgas, oni pligrandigus, sen ia profito, la nombron de la hibridaj vortoj, anstataŭ malgrandigi ĝin.

2^e^ *Konsiderata kiel radiko,* tiu nova afikso devas havi signifon tute apartan el tiuj de la jam ekzistantaj radikoj, tute precizan kaj unikan.

Ni aldonu ke oni ĉiam havos profiton enkonduki novan radikon anstataŭ afikson, ĉar, kiel ni montris, la afiksoj ne estas veraj radikoj kaj estas malpli ĝenerale uzeblaj.

3^e^ *Konsiderata kiel finaĵo,* oni devas zorge atenti ke tiu afikso ne estu simpla karakteriza finaĵo. Ni difinis komence la karakterizajn finaĵojn, kiujn oni trovas en la komuna lingvo : oni ankaŭ trovas multe da tiuj finaĵoj en la teknikaj fakoj, kaj ĝenerale ili estas internaciaj.

Oni facile distingas tiujn du specojn da finaĵoj, en Esperanto, per tiu rimarko ke, se oni apartigas karakterizan finaĵon el la vorto en kiu ĝi troviĝas, oni ricevas vorton kiu havas nenian sencon (*Ekz. : Se en la ĥemia fako, oni elektus kiel nomoj de elementoj* zirkoniumo, radiumo, k.t.p. *la finaĵo* um *estus karakteriza finaĵo kaj ne sufikso; ĉar apartigante ĝin, oni ricevus* zirkonio, radio, *kiuj havus nenian sencon en la ĥemia fako. Same, en la geologia fako se oni apartigas la finaĵon* en, *el la vortoj* plioceno, mioceno, k.t.p. *oni ricevus* plioco, mioco, *kiuj havas nenian sencon. Kontraŭe, en la medicina fako,* it *estas sufikso, ĉar se, el la vorto* peritoneito, *oni apartigas ĝin, oni ricevas* peritoneo, *kiu havas difinitan sencon*).

Estas necesa enkonduki internaciajn finaĵojn; tio devigas konservi al multaj teknikaj vortoj, ilian internacian formon, ne enkondukante en la lingvon novajn sufiksojn. Eĉ la faktoj ke iu el tiuj finaĵoj estas esperanta sufikso, aŭ ke kelkaj karakterizaj finaĵoj estas samaj (se ili apartenas al nenajbaraj fakoj) ne malhelpas ke oni alprenu ilin : (*Ekz. : oni povas alpreni vortojn internaciajn finiĝantajn per* ino, eto, ulo, k.t.p.).

### *c) Novaj afiksoj studataj.*

Ni apogis nin sur tiuj ideoj por studi la diversajn afiksojn jam kelkafoje uzatajn aŭ proponitajn en esperantaj verkoj, kaj, el tiu studado ni konkludis la sekvantajn rezultaĵojn.

Sufikso *al.*

Ne estas nun necesa enkonduki tiun sufikson por formi kunmetatan adjektivon, kiu esprimus la ideon : *rilata al* la ideo esprimata de la primitiva vorto. Se la praktiko montros ke la adjektivo, gramatika derivato de la primitiva vorto, ne sufiĉas por tio, oni denove povos studi la demandon.

Sufikso *atr.*

Tiu sufikso estus uzata nur por esprimi la ideon de speciala eco de koloro, kaj tiu rolo estas tro malvasta por pravigi enkondukon de nova sufikso; des pli ke la lingvo estas sufiĉe riĉa por esprimi tiujn malgravajn nuancojn.

Prefikso *hiper.*

Ni alprenis tiun prefikson.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas fari laŭ ekscesa, pli aktiva maniero, la agon, kiun la primitiva vorto signifas fari.

*Ekzemploj :* Saturi, hipersaturi — espozi, hiperespozi — varmigi, hipervarmigi.

Sufikso *iv.*

Kiel oni jam vidis, ni alprenis tiun sufikson.

*Difino :* La kunmetata vorto — adjektivo — signifas ke la io, kiun ĝi kvalifikas, estas kapabla efektivigi la agon, kiun la primitiva vorto — ĉiam aktiva verbo — signifas fari.

*Ekzemploj :* Konduki, kondukiva — bruli, bruliva.

Sufikso *iz.*

Ni alprenis tiun sufikson.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas « agi sur io » por ŝanĝi ĝian econ, per aplikado de metodo montrita de la primitiva vorto. Tiu lasta vorto estas ĉu la nomo de la aŭtoro de la metodo, ĉu la io, kiun oni uzas en la ago.

*Ekzemploj :* Makadam, makadamizi — darsonval, darsonvalizi — signalo, signalizi, *signifas provizi marbordon per la necesaj signaloj* — oro, orizi, *signifas uzi oron por ŝanĝi aspekton de io* — alkoholo, alkoholizi, *signifas enmeti alkoholon en likvaĵo tiamaniere ke ĝia eco ŝanĝu.*

*Rimarko :* Estas bedaŭrinda ke multaj internaciaj vortoj, kiujn oni devos alpreni, havu tiun finaĵon kaj sekve fariĝos hibridaj vortoj aŭ okazos ludvortoj : (civilizi, organizi, hipnotizi, k.t.p.) ; sed tio ne ŝajnis sufiĉan motivon por ne alpreni ĝin.

Prefikso *mis*.

Ni alprenis tiun prefikson.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas malbone, maltrafe aŭ erare fari la agon, kiun la primitiva vorto signifas fari.

*Ekzemploj :* Kompreni, miskompreni — solvi, missolvi — kunigi, miskunigi.

Sufikso *oid*.

Ni alprenis tiun sufikson.

*Difino :* La kunmetata vorto — adjektivo — signifas ke la io, kiun ĝi kvalifikas, havas analogon de formo aŭ de aspekto kun la io esprimata de la primitiva vorto.

*Ekzemploj :* Sfero, sferoida — arbo, arboida.

*Rimarko :* Oni preferis la formon *oid* ol la formo *ojd* jam uzita en la Anatomia Vortaro, pro la akcento, kiu estas internacie sur *i* kaj ne sur *o*.

Sufikso *oz*.

Ni alprenis tiun sufikson.

*Difino :* La kunmetata vorto — adjektivo — signifas ke la io, kiun ĝi kvalifikas, entenas sufiĉan kvanton de la io esprimata de la primitiva vorto, por ke ĝia eco aŭ aspekto estu ŝanĝata.

*Ekzemploj :* Ŝtono, ŝtonoza — kalko, kalkoza — fero, feroza, k.t.p.

Prefikso *retro*.

Ni alprenis tiun prefikson.

*Difino :* La kunmetata vorto — verbo — signifas fari agon aŭ movon inversan je tiu, kiun la primitiva vorto signifas fari.

*Ekzemploj :* Iri, retroiri — doni, retrodoni.

*Rimarko :* Ni jam diris ke *re* devas esti specialigata en la signifo de *denove* kiu estas ĝia fundamenta senco : do *redoni* signifas : *doni denove* kaj *retrodoni* signifas *doni ion, kion oni ricevis*.

*(Daŭrigota).*

*La direktoro de la Komisio :*

ROLLET DE L'ISLE.

# NOTOJ & INFORMOJ

**Internacia Mono.** — Samideano el New-York plendas letere, ke ni ne represigis sur nia kovrilo la valoron de nia abonprezo (2 $ 750 s) en nacia mono. Nia estimata abonanto pardonu la laboron kaŭzitan al li per ĉi tiu manko, & al la New-Yorka poŝtoficisto. La oficisto estis opinianta, ke la prezo de nia ĵurnalo do ne estus pagota en Esperantujo, sed en Germanujo, tial en markoj & pfenigoj! Tute ĝuste! Sed, certe ankaŭ hodiaŭ la oficisto en New-York estus nenion sciiĝinta pri la « $ », se nia kara samideano estus paginta sian abonon, simple & sen demandoj, en amerika valoro. Pardonu do la laboron faritan & eble aŭ espereble tre ofte farotan pro la bono de nia propagando!

**Esperantaj pres-literoj.** — Tre ĝojigan libreton sendis al ni la konata firmo Deberny & K°, *58, rue d'Hautville. Paris: specimenaron de esperantaj pres-literoj.* Tre ĝojiga por ni estas ĉi tiu sendaĵo pro tio, ke la tempo ne estas tro malproksima, kiam la presistoj & la literfandistoj nenion deziris aŭdi & vidi de supersignitaj literoj. Pli & pli, ni ekvidas, nia lingvo trankvile iradas sian vojon! La komerca vivo estas tre sentema koncerne sukcesaj aŭ malpli sukcesaj aferoj. Se jam komencis sana konkurado inter kelkaj fandejoj, bela signo por ni! Pli certe ol multaj aliaj signoj ĝi pruvas, ke nia lingvo vivas & almilitadas unu kampon post la alia.

La libreto kompreneble bele estas presita. Antaŭparolo de D^ro Corret, *Versailles* dankas al la firmo pro ĝia entrepreno, eldoni *novajn pres-literojn en 89 diversaj specoj & grandoj*. Kaj tion por la *sama prezo kiel la ordinarajn litertipojn!* La firmo eĉ intencas pligrandigi la provizon, se ĝi ricevos sufiĉe da mendoj.

Baldaŭ do ne devos plu ekzisti la malbone presitaj ĵurnaletoj & baldaŭ ne plu ekzistos la tiel nomata « praktika » argumento kontraŭ nia « *nepresebla* » alfabeto. Male! Kiel D^ro Corret prave diras en sia antaŭparolo, oni fine ekkonos la utilon de tiaj literoj, ĉar ili montras samtempe la internaciecon de grafismo & fonetismo, « kiel ekz. en la vorto *ĝardeno*, kiu skribe similas la germanan vorton *Garten* & la anglan *garden*, dum per la sono ĝi samtempe similas la francan *jardin* & la italan *giardino*: aŭ en la vorto *ĉasta*, kiu tiel same similas samtempe per sia grafismo la latinan, italan & hispanan, dum per sia fonetismo ĝi similas la francan & anglan lingvojn ».

La fandista progreso pruvas fine nian ĉiaman konvinkon, ke lingvo neniam formiĝas laŭ la literoj de la presistoj; kontraŭe, la presistoj provizas sian materialon laŭ alfabeto de la lingvo, malgraŭ ĉiuj supersignoj. Nun, ili provizis ĝin; la plej malmultaj, kiuj ne ankoraŭ faris tion, tre baldaŭ ankaŭ provizos ĝin, aŭ — ili malaperos!

D^ro Th.

**Inĝenieroj esperantistaj.** — Dipl. inĝeniero G. Ettinger en *Bobrouisk (gub. Minsk-Rusujo)* intencas unuigi la esperantistajn inĝenierojn. Sufiĉos do publikigi lian adreson por skribigi al li la interesulojn.

Ni esperas, ke li sukcesu & ankaŭ, ke la inĝenieroj ŝatos nian « Internacian Sciencan Revuon » por elekti ĝin kiel oficialan organon. Nia Revuo tre ofte jam aperigis inĝenierajn temojn & jam liveris multe da materialo por la terminologio.

**Pri nombro-serioj.** — Ni prenu la plej simplan aritmetikan progresion, kaj ni skribu ĝin por adicii tiamaniere, ke la dua nombro estu unu vicon pli dekstre ol la unua, la tria unu vicon pli dekstre ol la dua, k. c.

```
1ᵃ  1   5   9  13  17  21
        2   6  10  14  18  . .
            3   7  11  15  19
                4   8  12  16  20
Sumo  12345679012345679012. .
```

Ni trovas serion, kiu rekomencas ĉiam post la naŭa cifero.

Ni faru la samon kun la aliaj aritmetikaj progresioj, kaj ni obtenos la jenajn seriojn:

1ª (paŝo 1) ...123456790...
10ª ( » 1 + 9 = 10) ...234567901...
19ª ( » 1 + 9 × 2 = 19) ...345679012...
28ª ( » 1 + 9 × 3 = 28) ...456790123. .
k. c.

Rimarku ke estas la sama serio, komencante de alia cifero.

1ª (paŝo 2) ...246913580...
11ª ( » 2 + 9 = 11) ...135802469. .
20ª ( » 2 + 9 × 2 = 20) ...246913580...
29ª ( » 2 + 9 × 3 = 29) ...358024691...

Sama rimarko.

4ª (paŝo 4) . .493827160. .
5ª ( » 5) . .617283950...
7ª ( » 7) ...864197530..
8ª ( » 8) ...987654320 ..
3ª (paŝo 3) ...370...
6ª ( » 6) ...740 ..
9ª ( » 9) ...111...

La serioj obtenitaj de la progresioj kies paŝo estas 3 aŭ nombro onigebla de 3, nur havas tri ciferojn. Same se la paŝo estas 6. Se la paŝo estas 9, la serio havas unu ciferon ĉiam ripetitan.

Krom tiuj lastaj, la aliaj serioj estas formataj el diferencaj diferoj, estante ripetata neniu.

Kompreneble se ni onigas aritmetikan serion je la paŝo de la progresio ni obtenos ĉiam la serion 1an; kaj se ni obligas la seriojn 1, 2, 3, 4 kc. je 9, ni trovos ĉiam la ciferon 1, 2, 3, 4. k. c. ripetitan.

Ni rimarku ankoraŭ ke

$$\text{La serio } 1^a = \frac{1111\ldots}{9} = \frac{1000\ldots}{81}$$

$$\text{» » } 2^a = \frac{2222\ldots}{9} = \frac{1000\ldots}{81 \times 2}$$

k. c.

Se anstataŭ dekstren ni faras la operaciojn maldekstren, ni obtenos similajn rezultatojn; nur ni rimarku ke la lasta cifero kiu estas kvazaŭ limo estas pligrandigata.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | 17 | 13 | 9 | 5 | 1 |
| | .. 14 | 10 | 6 | 2 | |
| | .. 15 | 11 | 7 | 3 | |
| | .. 16 | 12 | 8 | 4 | |
| 1ª = | 87654320.987654321 | | | | |

Ni povas ankaŭ vidi ke la 1ª serio dekstren estas la sama kiel la serio 8ª maldekstren; la 2ª dekstren, sama kiel la 7ª maldekstren k. c.

Similajn proprecojn havas la geometriaj progresioj.

Ni skribu la progresiojn por adicii tiamaniere, ke la dua nombro estu du vicojn pli dekstren ol la unua k. c., kiel ni faris en la aritmetikaj progresioj, komencante ĉiam de la unuo.

1ª
1000...
  1000...
    1000...
10101... — paŝo 1 — $= \frac{1000\ldots}{99}$

2ª
1000...
  2000...
    4000...
10204 .. — paŝo 2 — $= \frac{1000\ldots}{98}$

3ª
1000...
  3000...
    9000...
10309... — paŝo 3 — $= \frac{1000\ldots}{97}$

k. c.

Resume:

$$\text{Serio } 1^a = \frac{1000\ldots}{99} = \frac{999\ldots}{99}$$

$$\text{— » — } 2^a = \frac{1000\ldots}{98\ldots} = \frac{999\ldots}{98}$$

$$\text{— » — } 3^a = \frac{1000\ldots}{97} = \frac{999\ldots}{97}$$

$$\text{— » — } 4^a = \frac{1000\ldots}{96} = \frac{999\ldots}{96}$$

$$\text{— » — } 5^a = \frac{1000\ldots}{95} = \frac{999\ldots}{95}$$

. . . . . . . . . . . . . .

$$\text{— » — } 10^a = \frac{1000\ldots}{90} = \frac{999.}{90}$$

$$\text{— » — } 30^a = \frac{1000\ldots}{70} = \frac{999\ldots}{70}$$

$$\text{— » — } 40^a = \frac{1000\ldots}{60} = \frac{999\ldots}{60}$$

$$\text{— » — } 70^a = \frac{1000\ldots}{30} = \frac{999\ldots}{30}$$

$$\text{— » — } 20^a = \frac{999.}{80} \quad \left(\text{kial ne } \frac{1000\ldots}{80}\ ?\right)$$

$$\text{— » — } 50^a = \frac{999\ldots}{50} \quad \left(\text{— — } \frac{1000\ldots}{50}\ ?\right)$$

$$\text{— » — } 60^a = \frac{999\ldots}{40} \quad \left(\text{— — } \frac{1000\ldots}{40}\ ?\right)$$

$$\text{— » — } 80^a = \frac{999\ldots}{20} \quad \left(\text{— — } \frac{1000\ldots}{20}\ ?\right)$$

$$\text{— » — } 90^a = \frac{999\ldots}{10} \quad \left(\text{— — } \frac{1000\ldots}{10}\ ?\right)$$

En tiuj formuloj ni retrovas la seriojn A (30), kaj B (2a) de mia artikoleto publikigitaj en la marta numero de I. S. R.; kaj estas pravigata la rilato de unu kun la alia, tiel kiel ĝin klarigas Sro Haller; ĉar se ni onigas la serion 30 (A) je 7 ni retrovos la serion 2 (B), kiun ni povas skribi $\frac{1000...}{7\times7\times2}$.

Multe da tiuj nombro-serioj havas la saman proprecon kiel la serio A: t. e. se oni obligas je 2, 3, 4, k. c, oni obtena la saman serion komencantan de alia cifero.

Ni povas ankaŭ rimarki ke ĉiafoje kiam ni obligas nombro-serion je la korespondanta denominatoro, ni obtenas serion je naŭoj. Ni povas do starigi, ke por trovi la denominatoron de serio geometria ni devas onigi senfinan serion da naŭoj je la serio mem.

Ramon-Limones, *Meksiko.*

# KORESPONDADO

## Pri la teorio de Antido.

*(sekvo)*

Jen novaj kritikoj pri tiu ĉi temo ricevitaj dum la ĵusa monato:

El *The British Esperantist*:

*La Logika Bazo de Vortfarado en Esperanto*, de *Antido*. — Mi ne scias, ĉu mi estas libera malkaŝi la veran nomon de la aŭtoro, sed multaj jam ĝin scias. Unue aperinte en *Scienca Revuo*, ĝi nun aperas en aparta formo kiel « propono al la Akademio Esperantista ». Kvankam ĝi enhavas la vortojn: « L'Akademio opinias... », « L'Akademio do rekomendas...», « L'Akademio rekonas... », la leganto tamen devas memori, ke la Akademio ankoraŭ *ne* esprimis sian opinion pri la proponitaj demandoj, ankoraŭ ankaŭ ne faris la diritajn rekomendojn kaj eble neniam tiel faros. Ĝi estas nu la nuno simpla propono de talenta samideano. Kiel tia, ĝi meritas la plej seriozan atenton ĉe ĉiuj, kiuj efektive deziras funde koniĝi kun la filozofio de ĝusta sinesprimado. Mi bone memoras, ke, ĉe mia unua koniĝo kun Esperanto, la lingvo ŝajnis al mi tro riĉa, rilate afiksojn, por praktika uzado. Kompreneble, la legado de bonaj tekstoj baldaŭ dispelis tiun eraran antaŭsenton; ĝi tamen lasis post si senton de toleremo por tiuj, kiuj malfacile laboras en la supozo, ke ili devas ĉiuokaze konstrui Esperantan vorton, kiu severe prezentos ĉiujn leksikonajn nuancojn de la tradukota vorto. Tia supozo kondukas al la trouzado de la rimedoj de vortokunmetado, kaj ĝuste kontraŭ tia trouzado la aŭtoro admonas nin, koncize kaj klare proponante al ni rimedojn por analizi niajn vortojn kaj kontroli ilian sufiĉecon. Al kelkaj legantoj, precipe al tiuj, kiuj ne havas la paciencon tralegi ĝis la fino, ŝajnos, ke Antido proponas al ni la kolosan laboron analizi laŭ matematika procedo ĉiun nian vorton antaŭ ol ĝin paroli. Se tiel ni devus fari, ni egale devus skribi *iliabod* sur nia pordego. Sed ne! La kutimo de konscia rezonado, unufoje starigita, tendencas plimaloftigi la jam maloftajn okazojn, kiam la severa analizo estas bezona. Jen kion bone diras Antido mem: « En la plej multaj okazoj la simpla instinkto sufiĉas; kaj kiam la instinkto eraras, ĝi eraras en la bona direkto ». Por tiuj, kiuj emas « kapti la bastonon je la malĝusta fino », eble estas necese atentigi pri tio, ke Antido tute ne falas en la eraron pretendi, ke tiu aŭ alia radikvorto povas esti mem substantivo, aŭ verbo, aŭ adjektivo. Radikvorto estas aparta parolparto, kia ĉe la plimulto de niaj lingvoj ne havas apartan ekziston, ĝi do ne estas rekte tradukebla per nacia vorto, sed devas esti klarigita per nacia vorto plimalpli ĝuste respondanta je kunmetita vorto entenanta la radikon. Por difini la

signifon de ia radikvorto, estas necese, parolante geometrie, lokigi du punktojn, por doni ne sole ĝian situacion sed ankaŭ ĝian direkton. Eksciinte, ekzemple, ke ***star'*** respondas al la angla « stand » mi bezonas ankoraŭ scii ĝian uzmanieron. La angla « stand » signifas : ***stari, starigi, staro, starejo, starigilo, domo kun startegmento, ekstari, stareja,*** k. t. p., kaj tuj kiam mi scias unu el tiuj ĉi vortoj, mi jam scias la ceterajn, sed ĝis tiam mi ne konas mian direkton, — mi povas funde koni la radikvorton, tamen ne povante ĝin uzi. Estas tiu bezono de direkta punkto, kiu kondukas niajn samideanojn prediki kvazaŭ la radiko mem estus verbo, substantivo, aŭ adjektivo. La fakto estas, ke ĉe tiu aŭ alia radiko la plej evidenta direkta punkto estas liverata jen de tiu, jen de alia parolparto. — A. E. W.

* * *

El *La Revuo* :

*La logika bazo de vortfarado en Esperanto* (12 paĝoj, ₷ 0,10). — *La Construction logique des mots en Esperanto* (80 paĝoj, ₷ 0,65), de ANTIDO, *Universala Esperantia Librejo*, 10, rue de la bourse, Genève. —

Ĉiuj, kiuj ne kontentiĝas uzi la lingvon tian, kia ĝi estas por iu ajn celo, sed kiuj volas penetri en la intiman konstruon de la lingvo, tiuj devas posedi, mediti tiun fortan, novan, ideoriĉan studon. Per ĝi ili povos respondi al iuj teoriistoj, kiuj kreskas kvazaŭ fungoj sur la kampo de lingvoj artefaritaj, kiuj eltrovas ĉiutage pli kaj pli originalajn sistemojn de derivado, kiuj proponinte sian sistemon ne komprenas, ke ĉiuj ne akceptas ĝin danke kaj opinias, ke Esperanto, ĉar ĝi havas alian, havas neniun sistemon aŭ nesufiĉan sistemon. Antido analizis la uzadon de Esperanto kaj resumis en formuloj simplaj tiun uzadon. Li do nenion aldonas, nenion modifas, nenion eltrovas, li nur proponas difinojn, formulojn. Iufoje eble tiuj formuloj havas aspekton iom aŭsteran de ekvacioj geometriaj kaj timigas simplan homon, eĉ simplan gramatikiston ; ni ne senkuraĝiĝu, ili ne enkatenigas, ne violencas la vivon, la naturon ; ili klarigas ĝin, lasante al ĝi ĝian elastecon. Leginte la broŝuron, oni nur pli bone aŭ pli precize komprenas la internan logikon de Esperanto.

Antido tre ĝuste difinis la ĝeneralan leĝon de la derivado Esperanta, kiu estas speciala apliko de la pli ĝenerala leĝo, laŭ kiu homo faras ĉiam por ĉiu afero, la malplej grandan penadon. Oni devas diri tion, kio estas necesa, ĉion, kio estas necesa sed nur tion, kio estas necesa, t. e., kio sufiĉas, por ke oni kompreniĝu. Obeante al instinkto nevenkebla, vane kontraŭbatalata, ni staras inter la du principoj sekvantaj.

*Principo de neceso* : En konstruon de vorto oni devas enkonduki ĉiujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn, kaj finiĝon necesajn por esprimi plene la ideon reprezentotan de tiu vorto.

*Principo de sufiĉo* : Oni devas kiel eble plej eviti dufojan ripeton de la sama ideo en la sama vorto, kaj oni ne devas enkonduki en la vorton fremdajn ideojn ne entenatajn en la ideo esprimota.

Por ke tiuj du principoj estu aplikataj, oni devas atenti, ke la finiĝoj *-o, -a, -i, -e,* havas ne nur gramatikan rolon, sed ankaŭ difinitan logikan sencon, jene :

*Finiĝo -o* enhavas ideon de ento, ĉu *viva (persono) -ul,* ĉu *neviva (abstrakta aŭ materia) -aj.*

*Finiĝo -a* enhavas la ĝeneralan ideon de *kvalito -ec,* aŭ de *rilate al.*

*Finiĝo -i* enhavas la ĝeneralan ideon de *ago* aŭ *stato -ad.*

*-o* = *-ul, -aj.*
*-a* = *-ec.*
*-i* = *-ad.*

Ĉar ĉiuj vortradikoj kaj sufiksoj estas klasitaj laŭ la gramatika ideo entenata en ĉiu el ili (*hom* = subst ; *grand* = adjektivo ; *skrib* = verbo ; *ist, an, estr...* = *ul ; ind, em...* = *ec*, ktp), nenio estas pli facila, ol konstati, ĉu vorto estas bone konstruita ; nenio pli facila, ol konstrui vorton. La vorto estas konstruajo aŭ el radikvortoj kunmetitaj aŭ el radikoj kun sufiksoj, tute simpla, natura. La senco de la vortoj dependas nur de la vorto mem kaj ne de arbitraj reguloj pri derivado.

Ekzemploj, *trinkemo* sufiĉas, anstataŭ *trinkemeco,* ĉar *em* = *ec*. *Virgino* povas

sufiĉi, ĉar *in* = *ul*; ne estas do necese esprimi du fojojn la saman ideon.

Plej simple Antido montras, ke *krono, kroni, kronado*, tiom riproĉata al ni, estas logika, nur dirante *ad* = *i*. Tiel ni povos sekvi la naturan instinkton, laŭ kiu formiĝas senpere verboj nur per la sufikso verba, el la nomoj de ilo. Tiel la serio *broso, brosi, brosado*, en kiu *brosado* signifas la agon *brosi*, estas egale logika, kiel aliaj sistemoj : *brosilo, brosi, broso : broso, brosagi* aŭ *brosuzi, brosago* aŭ *brosuzo*. Sekvante la naturon, ni ne deflankiĝas de la logiko.

Pri la sufikso *-a*, aŭ ĝi estas neutila aŭ ĝi signifas la *econ*, la *rilaton* al, ĝi kvalifikas. Se oni malfermas la gramatikon francan de Sº Brunot, oni legas : la sufiksoj *al, el, ique*. formas adjektivojn kvalifikantajn : *musical, industriel*. En Esperanto *-a* havas tiun saman econ. Estus tute neutile aldoni, ekzemple, *al* kaj diri *muzikala, industriala* aŭ *matematikala* (rimarku : *ik* = *al*, *a* = *al*; do : *ikala* = *alala*, aŭ *alalal*) *retorikala*, ktp.

Mi ne kredas, ke multaj, eĉ kleruloj, konsentus aŭ povus en la uzado konservi balaston neutilan. Ĉu vi pensas, ke oni tuj senpripense diros : *sezonala salato*, aŭ *bruo stratala ?* Tuj kiam flugas la vortoj en aero sur la lipoj de la homoj, ĉio kio pezas sen profito, kio malhelpas, embarasas estas tuj forjetata. La samo okazus, se oni aldonus sufikson por montri la rezulton de la ago, kiel *ur*, laŭ la franca lingvo. Ĉu vi devigos iun diri : *esprimuro, produkturo*, aŭ *fumuro* anstataŭ *esprimo, produkto*. *fumo ?* Oni vidas la danĝeron tro multigi la sufiksojn en sistemo de derivado tia, ke ilia uzado estus necesa. Ni ne metu homojn en la alternativon esti nekorektaj, estante simplaj kaj laŭnaturaj, aŭ korektaj, estante ĝenataj, violencataj. Tro evidenta estas la konsekvenco. Oni forgesos la kabinetan (pardonu, la *kabinetalan*) regulon, kaj pekos sen ia skrupulo ! Same, Antido pri *oz, iz* pruvas, ke, se kelkfoje, precipe en teknika lingvo, ili havas sian utilon, ili devas esti specialaj kaj ne ĝeneralaj sufiksoj. Li montras, ke, se *kroni* estas nesufiĉe preciza, *kronizi* estas tro preciza, ĉar sufikso *iz* signifas *ŝmiri per, ĉirkaŭarangi*. Efektive *kroni* ne estas *kronizi*, nek *najli* estas *najlizi; planti, plantizi*. Mi defias, ke honesta homo iam diros *najlagi* por *najli ?*

Necese estas, ke mi finu. Mi sufiĉe diris por inspiri la deziron legi tiun libreton. Se ĝi postulas ian penon, estu certaj, ke via peno havos vian rekompencon, eĉ sian plezuron. — C. Aymonier.

* * *

De S^ro^ Ŝmurlo (Riga) :

Mi jus legis en Nº 82 de I. S. R. la korajn aklamojn, kiujn ricevis Antido pro sia « *Construction Logique* ». — Post ĉio dirita oni ne povas plu dubi, kiu estas l'aŭtoro de tiu fama verko, kiun, laŭ Germana esprimo, oni devas nomi « epokfaranta » ; tial mi kuraĝas sendi al Vi, estimata sinjoro & kara samideano, mian sinceran gratulon pro via sukceso, kiu, en miaj okuloj de malnova Esperantisto, estas tiom pli grava, ke ĝi estas bazita sur verko kreita « a posteriori ». Ne pri la lingvo mi aludas nun, sed pri la verko mem : per tiuj vortoj mi deziras esprimi, ke vi estas unua, kiu sukcesis krei leĝon (ne hipotezon !) eltiritan el la lingvo mem & tial al vi apartenas la eminenta rajto esti montrinta sciencleĝe, ke la Lingvo Internacia en ĝia bela formo de nuna Esperanto ne evoluas arbitre & salte, sed vivas per kontinua, memstara & sana vivo, ne dependante de arbitro de aŭtoroj leĝofaristoj, kiuj deziras « krei leĝojn » por la plua evoluado, kiujn « devas » obei la lingvo. Tio farite — la estonteco estas hela ! Tiam la rolo de la Akademio estos ne « krei leĝojn », sed nur simple eltrovi & elmontri ilin — tasko neniel malpli eminenta por scienca institucio ol la unua ! Tion farinte vi metis grandan pacon en mian animon &, mi kredas, en la animojn de multaj kunbatalantoj & mi kore dankas vin pro la paco, kiun vi al ni donis ! Kun novaj fortoj ni nun ekkrias : « ni esperu, ni fidu, ni laboru » !

Samtempe mi sendas al vi mian leteronalvokon & mi sciigas vin, ke mi komencas redakti Rus-Esperantan gazeton *Riga Stelo*, kies speciala tasko estos montri, *kion* nun donas Esperanto al la personoj, kiuj ne ignoras blinde la demandon pri la Lingvo Internacia.

El *La Simbolo :*

La logika Bazo de Vortfarado en Esperanto estas titolo de epoka broŝureto verkita de « Antido » (Sro René de Saussure, el Ĝenevo). Tiu ĉi broŝureto entenas resumon de pli granda verko laŭ la sama temo en la franca lingvo, « *La construction logique des mots en Esperanto* ». Jen estas la unua verko en kiu troviĝas plena kaj pure logika teorio de la vortfarado en Esperanto. Ĝi estas fondita sur la jenaj principoj : Ĉiu Esperanta vorto estas aparta konstruaĵo starigita konforme al du principoj (principo de neceso kaj principo de sufiĉo) laŭ kiuj la senco de iu ajn vorto dependas de ĉio entenata en la diversaj partoj de l'vorto kaj nur de tio ; la finiĝoj « o », « a », « i », « e » estas ne nur gramatikaj, sed ili entenas ideojn tute same kiel sufiksoj : « o » enhavas ideon de estulo (ento viva) aŭ de estaĵo (ento neviva); « a » enhavas ideon kvalitan, « i » enhavas ideon de « fari agon » aŭ « esti en ia stato » ; « e » enhavas ideon de « laŭ maniero », ktp. Ĉiu vera lernanto venigos al si tiujn ĉi verkojn.

*
* *

*(Mi ricevis de Sro Couturat novan respondon al mia lasta letero. Ĝi aperos en la proksima numero de I. S. R., kune kun miaj rimarkoj.* — ANTIDO).

**« Sen kun adjektivo ».** — En la lasta numero de *Scienca Revuo* (raporto de Sro ROLLET DE L'ISLE, p. 294) mi legas, ke la vorto *senutila* « estas sensencaĵo, ĉar oni ne povas kunigi *sen* kun adjektivo ».

Ŝajnas al mi, ke en tio ĉi estas ia malkompreno.

Anstataŭ *telegrafado sen fadeno,* oni certe povas diri *senfadena telegrafado,* ĉar *fadeno* estas substantivo. Same, anstataŭ *faro sen utileco,* oni sen ia dubo povas diri *senutileca faro,* pro tute sama motivo.

Sed ĉu ne povas ekzisti, krom *utileco* kaj ankaŭ kun sama senco, la vorto *utilo* (« minimuma formo » de *utileco,* konsente kun la teorio de Antido)? Sekve, ĉu *faro sen utilo,* ankaŭ ne povas esti nomata *senutila faro,* — sen ia sensenceco ?

Ni memoru la ripetitajn admonojn de Dro Zamenhof, ke *ni ne devas rigide kateni nian lingvon en tro severaj reguloj !*

Dro P. CORRET,
*Versailles.*

**Pri « k » & « ĥ ».** — Dum la lastaj monatoj mi zorgis kompari la kvar vortarojn antaŭ nelonge eldonitajn, de Boirac, Verax, Kabe, & Grosjean-Maupin & la malkonsento pri la uzo de la « ĥ » estas unu el kelkaj gravaj punktoj kiun mi rimarkis.

Ŝajnas tre evidente ke la Francoj volas & penas anstataŭigi tiun literon per la « k » eĉ en okazoj kiam tio ĉi estas kontraŭ la Universala Vortaro. Aliflanke la Poloj ktp. volas reteni la « ĥ ».

Al la Angloj la koa sono estas pli facila sed la ortografio de multaj vortoj kun « k » ne estas laŭ ilia gusto. Ekz. kvankam « arkitekturo » ne ŝajnas malbone, la formo « Akilo » estas tute ne rekonebla kiel la angla « Achilles ». Mi mem opinias, ke estas tre necese distingi inter la vortoj en kiuj la litero devenas de la greka-litero « $\chi$ » & de la greka-litero « k ». Kelkfoje la konfuzo estas tre granda. Ĉiuj el la suprecititaj vortaroj konsentas pri la vorto « tekniko » kvankam Verax ankaŭ donas « teĥniko ». La anglaj vortaroj de Hayes & O'Connor, Motteau & Rhodes ankaŭ uzas la ko'n. Jen estas tuta konsento inter la leksikonistoj, sed Dro Zamenhof en la Krestomatio donas « teĥnikaj » (vidu poj 252 & 279 ktp.). Mi tute komprenas, ke neniu povas altrudi al la esperantistaro la unu aŭ la alian formon & la afero restos nedecidite, ĝis komuna konsento estos atingita per la natura disvolviĝo de la lingvo. Tamen nune la du formoj estas grava ĝeno al la konsciencemaj kompilistoj de vortaroj & la esperantistoj ĝenerale.

Mi multe pripensis pri rimedo por eviti la konfuzon & faras la jenan proponon. En dubaj okazoj mi proponas la uzon de novforma litero (ne nova litero) k̂ anstataŭ la ambaŭ formoj « *k* » kaj « ĥ ». La nova formo estante uzita kiam la litero devenas de la greka $\chi$. Oni devas lasi la elparoladon de la ĥo al la gusto de la uzantoj sed ĉar la plej multaj el la vortoj en kiuj ĝi okazus rilatas al la sciencoj, tio estus ne grane. Mi kredas, ke fine por montri ke la k̂ estas ne precize la ko la

elparolado de ĝi fariĝus inter la du sonoj de la ko & ĥo. Permesu al mi klarigi, ke mi nur faras proponon, por ke mi povu sciiĝi la opiniojn de viaj legantoj.

F. Maurice Sexton,
*Warwick Lodge, Hampton Wick (Anglujo).*

Ni represigis la ĉi-supran leteron, absolute ne aprobante ĝin. Nia estimata samideano trovis — laŭ nia opinio — malfacilajojn, kie oni ne trovu ilin. Fine li sendube aldonis novan malfacilajon. Nia presisto nur tre malfacile atingis komposti la novan « k̂ ». Kion opinias niaj amikoj? *(Red.)*.

**Internaciaj adresoj.** — Por ĉiam ĝuste ekkoni & legi la adresojn, estas necese, ke oni — unufoje por ĉiam — interkonsentiĝu pri la korekta internacia skribmaniero. Tiu maniero certe jam ekzistas en jena formo :

1) Nomo.
2) Numero de la domo.
3) Strato.
4) Urbo.
5) Provinco, lando, eble ankaŭ kontinento. Ekzemple :

Sinjoro Ivan Kondratjev
287, Strato Tzerskaja Sojatosin,
gub. Kiew,
Rusujo.
Sinjoro Gottlieb Schultze
55, Weissenburger Str.
Berlin N. 58,
Germanujo.

Skribante la adresojn en tiu maniero, oni neniam postulas de la poŝtoficistoj, ke ili solvu enigmojn, ĉu la letero estas por sinjoro Weissenburger aŭ sinjoro Sojatosin.

La tre klara principo estas, skribi la adrespartojn en tiu ordo, en kiu ili estos uzataj. La lando, la urbo, la strato, la domo, la nomo. Ankaŭ la administracio de « I. Sc. R. » sufiĉe jam spertis pri la nepra neceso, skribi la adresojn « internacie ».

**Pensu internacie!** — Ekzistas ankoraŭ gazetoj, kiuj insistas, ke la ĝojo de abono estu pagata per serio de malopor-tunajoj, tedoj kaj kostoj, plendante samtempe, ke abonoj ne alvenas pligrandamase.

Antaŭ ne longe eĉ estis eldonistoj, kiuj rifuzis akcepti alinaciajn poŝtmarkojn aŭ monpunis la sendintojn.

Ĉu ili ne povas aŭ ne volas ekkonscii, ke ilia klientaro estas internacia kaj ke esperantistoj malinklinas, unue, eltrovi kiom da milrejsoj, kopekoj, cendoj aŭ pencoj estas 3 francaj frankoj aŭ germanaj markoj k. t. p. ; due, elkalkuli kiom oni devas aldoni al la sumo por la perdo per malfavora poŝta kurzo, por ke la gazeto ne ricevu fr. 2.80 aŭ malpli, anstataŭ plenaj fr. 3.00 ; trie, tratediĝadi en la poŝtoficejo la en plej multe de la landoj tre enuan poŝtmandatan operacion ; kvare, iri hejmen por skribi leteron pri la celo de la mono sendita.

Esperanto kreis internacian klientaron kun komuna lingvo. Ke tiu klientaro postulos kaj kreos por si mem komunan monunuon kaj komunan centran pagejon nur estas demando de tempo.

Ekmaldormu do, kaj pensu internacie eldonistoj, vendistoj, k. t. p., ĉesu meti barojn kontraŭ viaj abonantoj kaj via klientaro.

Viaj naciaj metodoj kaj kutimoj ne taŭgas internacie.

Progresemo postulas progreseman cerbon kaj pensmanieron.

En malvasta rondo malvastiĝas « la animo ». Ni devas rigardi translime en la Tutmondon.

La Ĉekbanko, Merton Abbey, London S. W. estas la unua ĉie subteninda centra pagejo!

La Ĉekbanko nun havas kontulojn en Aŭstrio, Belgujo, Bohemujo, Brazilujo, Danujo, Francujo, Filipinaj Insuloj, Germanujo, Granda Britujo, Grekujo, Hispanujo, Holando Hungarujo, Italujo, Indio, Japanujo, Kanado, Meksiko, Palestino, Portugalujo, Rusujo, Svisujo, Unuigitaj Ŝtatoj, kaj inter ili estas la plej gravaj vendistoj de Esperantajoj.

Detruinte la barojn de la ekzistanta internacia poŝta montranssendo kaj ebligante la pagon transpagile, tiuj ĉi kontuloj efektivigas monan elŝanĝon sen kurza perdo kaj preskaŭ senkoste, ĉar ĉu ekzemple, Japana kontulo transpagos 10 ₷ aŭ 1000 ₷ al kontulo en Svisujo aŭ Brazilujo, la tuta kosto estas nur 10 centimoj por la afranko de la poŝtkarta transpagilo.

# OFICIALA INFORMILO

*Novembro, 1910.*

**Raporto de la Scienca Oficejo.** — *Listo de la aktivaj anoj de la I. S. A. E. pagintaj por 1910* (sekvo) :

ANDONOVIĈ, Drag. docent, Belgrado (Serb.).
COWPER, Ch.-E., Deal (Angl.).
DAMIEN, B C., Estro de la Scienca Fakult., Lille (Franc.).
FEIERABEND, Berne (Svis.).
TELLINI, Ach., Bologna (Ital.).
GIANNELIA, P., Wien (Aŭstr.).
HOWARD, B., New-York (Usono).
LOUND, Fr., Kolorado (Usono).
LÜDERS, L. B., Philadelphia (Usono).
MOUTON, H., Paris (Franc.).
SPILLMANN, Washington (Usono).
WILSON, E., Grand'Mère, P. Q. (Canada).

*Listo de la membroj aprobantaj de la I. S. A. E.* (sekvo).

BIDWELL, G. L., Washington (Usono).
LEE, G. W., Brooklyn (Usono).
NASTINGS, N., Boston (Usono).

---

Ni aldonis al ĉi tiu numero liston de « *Preparaĵoj de Tutmonda Intereso* » eldonitan de la mondkonata firmo BURROUGHS, WELLCOME & K°, *London*. (New-York, Montreal, Sydney, Cape Town, Milan, Shanghai, Buenos Aires). La marko « Tabloid » de ĉi tiu firmo estas ĉie konata pro ĝia eksterordinara precizeco. Montru ĉi tiun liston precipe al la kuracistoj konataj al vi, samtempe dirante al ili, ke ili povos havi pluajn esperantistajn klarigajn tekstojn pri ilia scienco mendonte la ĵurnalon INTERNACIA MEDICINO, KÖTZSCHENBRODA-DRESDEN (GERMAN.). Tiu ĉi ĵurnalo, kiu certe plaĉos al ili, kostas nur jare 3 $\mathcal{S}$, specimeno nur respondkuponon! Ankaŭ en ĉi tiu ĵurnalo troviĝas anonco de la firmo BURROUGHS WELLCOME & K°, *London*.

La *Tabelon de Enhavo* de la jarkolekto 1910 ni dissendos kun la unua numero de 1911. Por ĉi tiu jaro ni petas niajn amikojn rekomendi nian INTERNACIAN SCIENCAN REVUON al elbe plej multaj novaj samideanoj. Donacu ĉiu abonanto al la administracio, kiu dum la longa jaro certe neniam sentis la foreston de (ne ĉiam dankinda aŭ dankita) laboro, nur unu novan abonanton por la nova jaro! Koregе ni dankas!

La abonprezon de $\mathcal{S}$ 2,750 (malgraŭ la ĉie plialtigitaj kostoj & farotaj por 1911 pligrandiĝoj ĝi restas la sama) oni sendu tiel baldaŭ, ke ni ne devos interrompi la alsendadon de la ĵurnalo.

Ree ni rekomendas al vi niajn tolajn bind-kovrilojn por la kolekto 1910 por 0,5 $\mathcal{S}$ *afrankite(!)* Ĝis la mezo de januaro 1911 ni povos anstataŭi ĉe la mendo de kovrilo (nur por la poŝtmono) apartajn eble perditajn de vi aŭ malpurajn kajerojn de 1910.

Fine ni deziras al ĉiuj niaj abonantoj plej feliĉan novan jaron, petante, ke vi restu fidelaj al nia sankta ideo kaj -al nia nun okjara « SCIENCA REVUO »!

*La Eldonejo.*

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

Sekretariejo : Prof. R. PAILLOT, *50, Rue Gauthier de Châtillon*, Lille (Francujo).

ESTRARO : [*

por 1909 - 1910.

*Honora Prezidanto :* D-ro L. L. ZAMENHOF, Varsovio (Rusa-Polujo). — *Prezidanto :* Prof. Ed. HUNTINGTON el Harvarda Universitato (U. Ŝ. A.). — *Vic.-prezidantoj :* G-alo SEBERT, ano de l'Akademio de Sciencoj (Parizo); Prof. D-ro KÖPPEN, ĉefmeteorologiisto de Germana nacia Mar-Observejo (Hamburgo); Prof. VILLAREAL, rektoro de la Lima Universitato (Peruo). — *Ĝenerala Sekretario :* D-ro R. DE SAUSSURE, P-ta Docento ĉe la Ĝeneva Universitato, Ĝenevo (Svis.). — *2a Sekretario :* Prof. C. BOURLET, prof. ĉe Konservatorio de l'Artoj & Metioj, Parizo (Franc.). — *Kasisto :* D-ro Th. RENARD, Ĥemiisto, Ĝenevo (Svis.).

KOMITATANOJ :

G-alo SEBERT, membro de la Francuja Instituto, Parizo (Franc.). — F. VILLAREAL, dekano de la Scienca Fakultato, Universitato de Lima (Peru.). — H. PELLAT, Prez. de la Franca Societo de Fiziko, Parizo (Franc.). — J. MEAZZINI, geologiisto, Arezzo (Ital.). — FOURNIER D'ALBE, membro de la Reĝa Dublina Societo, Dublin (Irlando). — R. CODORNIU, ĉefinĝeniero de arbaroj, Murcia (Hispan.). — D-ro K. BEIN, okulisto, Varsovio (Pol.). D-ro K. B. R. AARS, membro de la Norvega akademio de Sciencoj, Kristiania (Norveg.). — D-ro KROITA, profesoro ĉe la Universitato de Tokio (Japan.). — D-ro E. FRAGA, prez. de la Ĉila Esperantista Societo, Santiago (Ĉil.) — D-ro W. KÖPPEN, Hamburg (German.). — Prof. Ad. SCHMIDT, estro de la R. Magneta Observejo, Potsdam (German.). — D-ro Richard LEGGE, Mikleover (Derby) (Angl.).

## EKSTRAKTOJ EL REGULARO

§ 1. — Sub la titolo *Internacia Scienca Asocio Esperantista* estas fondita internacia asocio, kiu celas propagandi la internacian helplingvon Esperanto ĉe la sciencularon & faciligi ĝian uzadon per ĉiu manieroj.

§ 2. — Povas aniĝi la Asocion ĉiuj personoj, societoj aŭ sciencaj revuoj, kiuj sin enskribos en la nomaron de la Asocio kiel aliĝantoj al la Deklaracio akceptita en Ĝenevo la 31an de Aŭgusto 1906. (Vidu ĉi sube).

Ilia aniĝo definitiviĝas, nur post kiam ĝi estas akceptita de la Estraro de la Asocio.

§ 3. — La aliĝintaj societoj aŭ revuoj povos esti reprezentataj de siaj prezidantoj aŭ direktoroj aŭ de speciale rajtigitaj delegitoj.

§ 4. — La Asocianoj estas dividataj laŭ 3 kategorioj, nome : honoraj anoj, aktivaj anoj, & neaktivaj anoj.

§ 5. — La *honoraj anoj* estas elektitaj inter la personoj, kiuj faris gravajn servojn por la afero de lingvo internacia.

§ 6. — La *aktivaj anoj* pagas jaran kotizon da almenaŭ 2 ₷ & havas la rajton voĉdoni pri ĉiuj demandoj. Nur ili estas elekteblaj por la postenoj administraj.

§ 7. — La *neaktivaj anoj* pagas nenian kotizon. Ili havas la rajton voĉdoni nur pri demandoj, kiuj ne koncernas la administradon de la Asocio.

§ 8. — Ĉiuj aktivaj anoj, kontraŭ la pago de speciale rabatita abono (2 ₷ anstataŭ 2,75 ₷), povas ricevi la oficialan organon de la Asocio : « Internacia Scienca Revuo ».

§ 15. — La administra laboro estas komisiita al *Internacia Scienca Oficejo,* kiu zorgas pri la korespondado, plenumigas la laborojn & decidojn de la Asocio & konservas la arĥivojn.

§ 16. — La direktado de tiu Oficejo estas komisiita al la Ĝenerala Sekretario, kiu, kun la aprobo de la Administra Komitato, povas aldoni al si unu aŭ pli ol unu konsilajn komitatojn elektotajn inter la Asocianoj.

## Deklaro.

*(voĉdonita dum la dua Universala Kongreso de Esperanto, Ĝenevo, 1906).*

« La subskribintoj, scienculoj, sciencistoj aŭ sciencamantoj opiniante, ke la enkonduko de la konstanta uzado de la lingvo internacia Esperanto en la Scienco multege utilus por faciligi la interrilatojn de scienculoj diversnaciaj & ankaŭ la legadon de la Sciencaj gazetoj, esprimas la deziron, ke :

1e La scienculoj konstante uzu la lingvon Esperanto dum siaj kongresoj.

2e La gravaj internacie disvastigitaj sciencaj gazetoj akceptu artikolojn redaktitajn en Esperanto & plie aldonu, al ĉiu artikolo redaktita en nacia lingvo, resumon en Esperanto montrantan ĝian enhavon.

La subskribintoj promesas helpi, ĉiu laŭ siaj fortoj, al la efektivigo de tiuj deziroj.

Ili permesas al ĉiu ajn publikigi tiun de ili subskribitan decidon. »

Presejo : Alb. KÜNDIG, 4, rue du Vieux-Collège, Ĝenevo.